XIX^a jaro. N° 278 (10) ☆ Monata ☆ Oktobro 1923

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Simpla abono . . . . . . . . . . . . . . 10.— Fr. Sv.
Kun la membreco de UEA . . . . . . . . 12.50 Fr. Sv.
Unu numero . . . . . . . . . . . . . . 1.— Fr. Sv.
*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

Anonco (unu centimetra kolonero) . . . . . 2.— Fr. Sv.
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.50 Fr. Sv.
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 0.75 Fr. Sv.
*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT
ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE
*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15^a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Nia XVI^a en Vieno.

Laŭ la nova organizo de nia movado (art. IV de la kontrakto de Helsinki) la Centra Komitato decidas pri okazigo de niaj universalaj kongresoj. Por tio ĝi konsideras la dezir-esprimojn de la esperantistoj, la ricevitajn invitojn, la necesajn kondiĉojn de sukceso kaj la ĝeneralajn interesojn de nia movado.

Tuj post Nürnberg la C. K sin turnis al la bulgara ministro de ekstero por demandi, ĉu li estus preta inviti la XVI^an kongreson laŭ la deziro de la bulgaraj kaj de multaj alilandaj esperantistoj. Tre afable li respondis, ke li tre ŝatus tion fari, se nian kongreson partoprenus kelkcentoj da personoj, sed ke tio estus tute neebla se ĝin partoprenus eĉ milo, pro loĝejaj kaj aliaj materialaj malfacilaĵoj. Ĉar publika opinio bulgara favoras Esperanton, la ministro preferus inviti pli malvastan kunvenon de balkanaj landoj pri nia afero.

La C. K. do esprimis sinceran dankon al la bulgaraj esperantistoj pro sia bonvola preteco inviti al Sofia, kien ni estus ŝatintaj veturi, kaj konstatis, ke ilia nacia Esp.-Kongreso saĝe decidis ne sendi oficialan inviton antaŭ respondo de la registaro

Samtempe la C. K. korespondis kun niaj francaj samideanoj, kiuj ne povis ĉeesti la XV^an Kongreson kaj kies voĉnombro estus estinta decidiga inter 213 kaj 248. Ili esprimis preferon por Vieno pro la granda distanco al Sofia kaj insistis, ke oni organizu la kongreson en meza loko kiel Vieno, kie ili povu multnombre partopreni post unujara kontraŭvola foresto.

Konsiderinte tion kaj ankaŭ la valorajn garantiojn prezentitajn de niaj Vienaj samideanoj pri loĝejoj, kunvenejoj kaj bona organizo, la C. K. unuanime decidis danke akcepti ilian inviton kaj okazigi nian XVI^an Kongreson en Vieno dum somero 1924. Ni fidas, ke ili sindone faros ĉion por prepari belan kaj sukcesan akcepton al ĉiulandaj esperantistoj.

* * *

### Esperanto ĉe la Ligo de Nacioj.

En preskaŭ silenta dramo Esperanto ĵus gajnis denovan sukceson ĉe la Ligo de Nacioj kontraŭ la opinio de la Komisiono por Intelekta Kunlaborado. Ties rezolucion por lernigi fremdajn lingvojn prefere al artefarita mondlingvo prezentis la franca delegito kun ordona instrukcio de sia registaro „ĝisfunde kontraŭbatali Esperanton."

Sed tiun ĉi fojon sin anoncis protestoj de la brita, finna, sudafrika, persa, ĉina, japana, estona, litova kaj aliaj delegitoj, kiuj antaŭmontris, ke la franca propono estos rifuzata per voĉdono, ĉar multaj, kiuj ne volis lastan jaron oficiale rekomendi Esperanton, ankaŭ ne volus ĝin mal-rekomendi „ĉar estas en ilia lando multaj esperantistoj kaj ankaŭ la afero eble sukcesos kaj tre utilos tiam."

Prudente la franca delegito do pli mildigis sian proponon per dua „revizita teksto", sed tio ne sufiĉis kaj, lastmomente, li publike retiris sian tutan proponon „por eviti polemikon". Tial neniu diskuto okazis kaj la rezolucio de la Intelekta Komisiono estis do fakte enterigita de la Ligo de Nacioj, kiu restas ĉe sia oficiale akceptita raporto pri Esperanto. Tio estas ja bona signo por ni.

*Edmond Privat.*

# SCIENCO

## La nevideblaj ondoj

de *Daniel Berthelot.*

En unu el la plej teruraj momentoj de la milito, kiam la minacego de la submaraj boatoj estis pli kaj pli premeganta, mi okaze vizitis unu el tiuj improvizitaj laborejoj, kie kelkaj persistemaj eksperimentistoj, subtenitaj de nevenkebla fido, laboradis por donaci al la nacia defendo novajn batalilojn. En malgranda ĉirkaŭurba ĝardeno, ligna rektangula kadro staris apud baterio de elektraj lampoj.

La amiko kiu akompanis min, reguligis la aparaton, orientis la kadron, kaj prezentante al mi telefonan kaskon: „Aŭskultu, li diris, jen la signaloj interŝanĝitaj en la Baltika maro de la malamikaj submaraj boatoj.“

Kelkajn minutojn poste, li turnis la kadron al alia direkto: „Nun, li diris, vi povas aŭdi la submarajn boatojn de la Mediteranea maro.“

De antaŭ multaj monatoj, kun siaj kunlaborantoj, li silente daŭrigis sian taskon. Tiam, la dezirita rezultato estis ĵus atingita, kaj mi neniam forgesos la impreson de mi sentitan, en tiu ĝardeneto de Suresnes, aŭdante la misteroplenajn alvokojn de tiuj malproksimaj mortigaj iloj, kiuj alvenis al ni tra la maro kaj aero, trairintaj multajn milojn da kilometroj, kaj tamen tiel klare percepteblaj, tiel apudaj, ŝajne, kiel la zumado de la abeloj flugetintaj sur la floroj dum tiu somera posttagmezo.

Tri jarojn poste, la paco reveninte, mi ĉeestis bankedon en kiu oni festis la datrevenon de la fondo de nia bela Supera Lernejo de Elektroscienco. Tio okazis en la halego de granda Pariza hotelo: je la ekstremaĵo, vidiĝis granda sonfunelo. Je la momento de la tostoj, ĉiuj kunmanĝantoj silentis. Sed subite, el la metala aperturo, voĉo eliris, gravtona kaj pura, kiu resonis en la tuta halo.

Estis la voĉo de artistino, kiu troviĝanta kvindek kilometrojn malproksime de Parizo, apud tiuj verdaj kaj florplenaj bordoj de la „Seine“, (kie La Fontaine iam skribis la melankolian plendon de la nimfoj de Vaux) kantis por ni, antaŭ aparato de senfadena telefono.

Tiuj mirindaj progresoj, kiam publike konitaj, prave entuziasmigis la amason. Ili tamen estis nur la logika rezultato de longa evoluado. Depost la tago kiam la genio de Branly donacis al ni la elektran okulon, kapablan percepti tiujn ondojn por kiuj la homa okulo ne havas retinon, la scienculoj komprenis, ke malkovriĝis nova vojo sur kiu oni nepre faros mirindegajn progresojn. Problemoj subite stariĝis, tiel multenombraj ke, por solvi ilin en ordinaraj cirkonstancoj, oni estus bezoninta multajn jardekojn. La milito mallongigis tiun penigan ellaboradon. Ĉar je ĉiuj epokoj en la historio, tio estis la grandioza kaj terura privilegio de la militkonfliktoj, plirapidigi, meze de la sango kaj de la armiloj, la naskon de la novaj tempoj.

Ĉiuokaze, inter la plej novaj konkeroj de la scienco, estas verŝajne neniu ĝuanta popularecon kompareblan al tiu de la telegrafado aŭ telefonado senfadenaj, ĉar malmultaj inter ili impresas tiel forte la imagon, kaj malmultaj ankaŭ estas tiel facile alireblaj al ĉiuj.

Flanke de la delikataj kaj precizaj aparatoj, ĉefverkoj de niaj plej kleraj konstruistoj, aperis multegaj aliaj, pli simplaj, sed tute sufiĉaj por la ordinara praktiko. Nur en Parizo en la grandaj magazenoj, kaj popolaraj bazaroj, oni vendis, antaŭ la milito, ĉiutage, pli ol 300 aparatojn de senfadena telegrafio. La sukceso estis same grandega en la departementoj; en ĉiu urbo kaj preskaŭ en ĉiu vilaĝo, laboremaj amatoroj utiligis balkonojn, pluvodelfluilojn, telegrafajn aŭ telefonajn fadenojn.

La instruisto, la pastro, la farmaciisto tie pace konkurencis. La amikoj de la senfadena telegrafio estas nun grandnombregaj, kaj ĉiutage, centoj da miloj da oreloj atendas la telegrafaĵojn, kiujn, je difinita horo, la potenca voĉo de la Eifelturo ĵetas en la atmosferon.

Por tiu kiu kuraĝis lerni tiun specialan lingvon, malofte estas la distraĵoj tiel pasiigaj kiel aŭskulti la vibraĵojn vojirantaj en la aero de nia planedo, nesciate de ĉiuj: voĉoj de la naturo anoncantaj la venontan stormeton, aŭ voĉoj de la homoj interkomunikiĝantaj.

Kiel multaj aliaj, mi iam pasis plurajn horojn ilin aŭdante. Sur la supraĵo de la monteto, je la rando de la arbaro, staras turo tridek metrojn alta, sur kiu, dum 25 jaroj, mia patro eksperimentadis la efikojn de la atmosfera elektro sur la kreskaĵoj. Hodiaŭ, tiu brika monumento, videbla el multaj lokoj en la Pariza ebenaĵo, estas ofte utiligata kiel kunvenejo de la aviadistoj. En tiu sezono, oni ofte vidas ilin pasantaj are, irantaj al la aviadkampoj de Buc aŭ Villacoublay, Issy les Moulineaux, aŭ le Bourget. Kelkafoje, je la fino de la tago, direktebla balono venas vagadi proksime de la tero, kaj, kun siaj flavaj teloj lumigitaj de la kuŝiĝanta suno, ĝi similas al grandega ora fiŝo en la aera oceano.

Jam, antaŭ 10 jaroj, mi etendis inter la supraĵo de tiu turo kaj la najbaraj arboj retaron da feraj fadenoj kaj instalis aparatojn por aŭskulti la bruojn anoncantaj la stormetojn, kaj la signalojn de la senfadena telegrafio; kaj mi interesite iris aŭdi ilin dum la someraj vesperoj.

La belegeco de la nokta spektaklo estas senkompara. En la fundo de la valo etendiĝas la grandega Pariza konstruaĵaro, kun siaj grandnombregaj lumoj. Oni distingas la rektajn liniojn de la avenuoj, la paralelajn vicojn de la pontoj, kaj la domajn blokojn. Flanke de la verdaj lumoj de la hidrargiraj elektraj lampoj, laŭlonge de la fabrikoj en Billancourt, brilas la lanternegoj kaj la ruĝaj diskoj de la fervojo; la flava lumo de la gaslumigiloj estas paligita per la violkolora brilego de la elektraj lumegoj, aŭ per la disradiado de la grandegaj oranĝkoloraj anoncliteroj, atendante la momenton, sendube baldaŭan, kiam la lumaj reklamoj venos, en la ĉielo, konkurenci la stelojn.

En tiu loko, la silento estas absoluta. Neniu el la Parizaj bruadoj supreniras ĝis la izolita turo; sed ĉiuvespere, ĉirkaŭ la naŭa kaj duono, oni aŭdas tie la noktajn voĉojn.

Havante la kapon kovrita per telefona kasko, sufiĉas movigi malrapide sur granda vertikala bobeno kupran ŝovpecon, kaj aŭskulti.

Meze de la silento ekaŭdiĝas siblado, unue apenaŭ aŭdebla, fariĝante poste pli kaj pli perceptebla; la signoj longaj kaj mallongaj de la alfabeto „Morse“ transsendas anglajn vortojn. Estas la telegrafejo de Poldhu, kiu, el la okcidenta marbordo de Cornwall sendas, per la signaloj Marconi, la Borsan kurson kaj la ĉiutagajn novaĵojn al la grandaj transatlantikaj ŝipoj veturantaj al New York.

Mi movigas la ŝovpecon; la siblado malaperas: tintila bruo ĝin anstataŭas, kiu fariĝas pli kaj pli klara. Ĝiaj ritmaj bruoj elmetas germanajn vortojn. Mi estas agordita kun la telegrafejo de Norddeich, kiu, el la enfluejo de Elbe, komunikas kun la ŝipoj de la Baltiko kaj de la Norda maro.

Mi trapasas kelkajn pluajn centimetrojn sur la bronza kolono: La tintado malfortiĝas kiel tiu de veturilo foriĝanta sur la vojo; bruo de fritado postvenas, devenanta el Barcelona kaj ni aŭdas nun la kantoresonantan hispanan lingvon.

Pli malsupre ankaŭ sur la kolono, jen tamburfrapaj bruoj. La Parizaj ĉirkaŭurbaj fortikaĵoj nun interkorespondas, Mont Valérien, Buc, Palaiseau.

Kvankam ili uzas mian patrolandan lingvon, ilia konversacio estas nekomprenebla por mi: estas ekzercado por sekretaj telegramoj.

Subite, mi aŭdas sekan bruon: iu fajrero kraketas el la galena kristalo, kaj rapide ĵetas rebrilon en la malluma ĉambro Mia imponanta najbarino, la Eifelturo, ĵus komencis sian sendadon kaj malreguligis la ricevilon.

Per kelkaj turnoj de la ŝraŭbo, mi denove ĝin reguligas; kaj, suprenirante tute la ŝovpecon, alveninta je la ekstremaĵo de sia vojo, mi denove aŭdas sinsekve la zumadon de Barcelona, la sonoradojn malproksimajn de Norddeich la akran fluton de Poldhu.

Tiel, de la Nordo ĝis la Sudo, de la Oriento ĝis la Okcidento, la noktaj voĉoj sin reciproke preterpasas. La atmosfero estas senĉese trairita de tiuj nevideblaj ondoj, kiuj sur la surfaco de la dormanta mondo, sin sekvas je kelkaj kilometroj da distanco, kiel la samcentraj faltoj produktitaj de ŝtono ĵetita en la kvieta akvo de lageto. Ili moviĝas laŭ la rapideco de 300.000 kilometroj ĉiusekunde, preskaŭ ĉie nekonitaj, nur vibrigante tie ĉi kaj tie la membranojn de telefonoj speciale preparitaj.

Dume, en la malluma ĉielo, la steloj brilas: kredigante al ni, ke la naturo havas unu solan peron por sin aŭdigi, ili sendas sian lumon per ondoj similaj al tiuj de la senfadena telegrafio. Spektrografoj ilin ricevas en la fokuso de la teleskopoj; kaj, tie kie niaj okuloj perceptas nur konfuzan harmonion, tiuj iloj malkovras multegon da malsamaj lumaj notoj, sekreta lingvo de la atomoj, plorego de la materio, kiu mortas radiante en la vakuon, unutona plendo, eterne la sama, de antaŭ senfinaj jarcentoj. Kontraŭe, la homaj bruadoj, tiel diversaj kaj ŝanĝemaj kiel niaj ĝojoj kaj malĝojoj, niaj kapricoj kaj pasioj, neniam sin ripetas same. Ĉiuvespere ili vojiras de kontinento al la alia, rulante, per grandegaj ondoj, sur la suprafo de teroj kaj maroj, antaŭ ol estingiĝi en la indiferenta etero.

En ĉiuj lokoj de la globo, en la kvieta kamparo kiel en la bruegantaj urboj, sur la publika placo kiel inter la kvar muroj de ĉambro, ni estas ĉirkaŭitaj per oceano de nevideblaj ondoj, sed tre malmultaj scias ilin aŭskulti.

Neniu ekzemplo pli bone komprenigas al ni la profundan signifon de la antikva sentenco kiu diras, ke „Ĉio estas en ĉio".

La filozofoj kaj scienculoj ripetis are tiun aserton; tamen, kiam oni diras al ni, ke sufiĉas levi la manon sur la tero por ŝanĝi la pezecan forton ĉe Sirius, kaj por altigi la nivelon de la Oceano apud San Francisco, tiuj veraĵoj ŝajnas al ni tro belaj por esti tre realaj. Kaj eĉ se nia racio estas konvinkita, nia sentemeco iom protestas.

Kontraŭe, la telegrafado, la senfadena telefonado montras al la plej skeptikaj kun kia facileco kaj precizeco oni povas kolekti tiujn miriadojn da elfluvoj, kiuj, ĉiumomente, sur la tuta tero, sin reciproke preterpasas kaj penetras.

La sennombraj parolinterŝanĝoj nun okazantaj en Parizo, trapenetras, ĉiuj, tiun ĉambron, ĉiuj estas kapteblaj de taŭga ricevilo.

Unu demando tiam venas nerezisteble al nia menso. Kiel dubi, ke ekzistas en la universo sennombraj aliaj vibradoj, ĝis nun nekonitaj de ni, kiujn niaj idoj siavice malkovros. Ĉu estas vere, laŭ la kredo de la scienculoj, de la XVIIIa jarcento, ke la nervaj manifestaĵoj estas nur biologia formo de elektraj fenomenoj? Mi ne scias. Nia scienco ne povas, pli ol la scienco de niaj praavoj, respondi al tiu grava demando; oni nur povas diri, ke la modernaj eltrovoj sur la ekstremaĵoj de la nervaj fibroj tute ne kontraŭdiras tiun hipotezon. Tiam, estus neniel mirige, ke la homa penso sin montru eksteren sub la formo de elektraj ondoj similaj al tiuj de la senfadena telegrafado, postulantaj, kiel tiuj ĉi, nur tre malgrandajn kvantojn da energio, kaj malkovreblaj per sufiĉe delikataj detektiloj. Tiaj ondoj obeus al la leĝoj de la nombro kaj de la ritmo, kiuj laŭ la antikva greka koncepto, regus la moralan mondon kiel ili regas la fizikan kaj estetikan mondon. Eble niaj posteuloj eltrovos ĉe ili tiujn simplajn rilatojn kiujn Pythagoras la unua, konstatis, aŭdante la martelon frapanta la amboson de la forĝisto: eble oni fine komprenos la signifon de la enigma rezonado de Plato, tute nekomprenita de la komentariistoj, en kiu la fama filozofo, post longa diskutado, konkludis, ke ekzistas matematika ekzakta rilato inter la justo kaj la maljusto, kaj ke tiu raporto egalas 729. Trad. *E. Archdeacon* (Paris).

* * *

Ni atentigas niajn legantojn, ke la Londona Brodkasta Stacio [2 L. O., ondlongo 369 metroj] aranĝos paroladon pri Esperanto, okazonta la 20. oktobro je 7.15 h. [ni supozas 19.15 h. Ni kopiis el British Esperantist. Red.] La parolonto estas S-ro John Merchant. Li kredeble ankaŭ parolos kelkajn vortojn en Esperanto. Raporton pri la aŭskultado oni bonvolu sendi al S-ro H. A. Epton, 17 Hart Street, London W. C. I.

# Tertremo en Japanujo.

De *Ĉ. Fujisaŭa*, japana membro de L. K.

La 1an de septembro tagmeze terura katastrofo frapis Japanujon: fortegaj skuoj de tertremo senantaŭekzempla, kiu verŝajne daŭris pli ol kvin minutojn, komplete detruis la plej grandan parton de Tokio, Yokohama kaj en ilia najbareco kuŝantaj urbetoj.

Cetere tio kio plivastigis la mizeron ŝuldiĝas unuflanke al brulego ekokazinta diversloke pro eksplodo de sennombraj gastuboj kaj aliflanke al la sekve de la tertremo senmezure ŝveliĝinta tajdo forbalainta grandan nombron da domoj sur la marbordo. Diversaj gazetoj raportas pri nedireble timeganta sceno okazinta sub la tera tremado; krom tiuj, kiuj trovis sian tujan morton dank' al disfalo kaj renverso de masivaj konstruaĵoj, cento da miloj de geurbanoj pereis aŭ bruligite de krakantaj flamoj aŭ droninte ĉe superakvo ŝprucanta el difektitaj akvokondukiloj.

Laŭ duonoficialaj informaĵoj la nombro de mortintoj kaj vunditoj ŝajnas atingi 1.356.468 kaj 316.087 konstruaĵoj estas ruinigitaj; tuta monsumo de materiala difekto kalkuliĝos je 5 miliardoj. La lando estas bone konata pro ofteco de tertremo kaj efektive oni registras ĉiujare nemalmultajn terskuojn; tamen neniam antaŭe ni havis tian malfeliĉon kiel la nuna.

Por impresigi pli profunde la eksterordinare grandan skalon de la okazintaĵo, mi sube donas tabeleton de historiaj tertremoj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1268 | Cilicio | 60.000 | viktimoj |
| 1456 | Napoli | 40.000 | „ |
| 1556 | Ĉinujo | 830.000 | „ |
| 1755 | Lisboa | 50.000 | „ |
| 1797 | Quito | 40.000 | „ |
| 1906 | San Francisco | 1.000 | „ |
| 1918 | Messina | 110.000 | „ |

Krome, oni devas nepre prikonsideri la neneniigeblan fakton, ke la ĉefurbo kaj la plej prospera haveno ludas tre gravan rolon ĉe modernaj ŝtatoj kaj ties detruo eble kompariĝus al pikvundo al homa kapo aŭ koro; oni memoru, ke ĉe Tokio kies loĝantaro estas proksimume tri milionoj koncentriĝas politika, financa kaj kultura agado de Japanujo, dum Yokohama kun siaj 500.000 loĝantoj sin imponas kiel la centro de komerca aktiveco.

Ankaŭ ne povis eviti la komunan sorton Yokosuka la unuaranga marmilita haveno kaj dokejo kie perdiĝis bedaŭrinde du superpotencaj militŝipoj meze de la katastrofo.

Ĉio ĉi kuntrenos politike kaj ekonomie sufiĉe seriozajn konsekvencojn kaj konsiderinde influos la internacian pozicion de Japanujo kiel granda potenco. Eventuale Osaka aŭ Kioto fariĝos nova ĉefurbo.

Per senlaca laboro kaj nelimigebla energio, kio ja montras la karakterizon de japana popolo, oni kapablos iom post iom rekonstrui kaj ripari detruitajn estaĵojn, sed kiamaniere povus oni revoki al vivo milojn da mortigitaj gejunuloj kiuj devis formi la kernon de estonta Japanujo.

Aŭdas mi feliĉe kaj dankplene, ke eksterlandoj forte emociigitaj de tiu ĉi malfeliĉego rapidas organizi helpadon sendante monon kaj nutraĵon al suferantoj.

Fine nia movado en Japanujo neeviteble malvigliĝos kaj malfortiĝos dum kelka tempo, ĉar la plej agemaj esperantaj grupoj sin trovas en la ambaŭ grandaj urboj. Mi tamen esperas, ke la tre'ŝatinda organo de Japana Esperanta Instituto „Revuo Orienta" aperados malgraŭ malfacilegaj cirkonstancoj.

* * *

**Noto de la Red.: En la nomo de la tuta esperantistaro ni esprimas al la japana popolo kaj precipe al niaj japanaj samideanoj nian sinceran elkoran simpation en tiu tempo de granda doloro. Kio tuŝas unu anon de la homara familio tuŝas ankaŭ ĉiujn. La japana sufero fariĝas nia sufero, ilia ĉagreno nia ĉagreno. Ili sentu nin proksimaj kaj frataj.**

---

## *Kelkaj similaĵoj inter Esperanto kaj la ĉina lingvo*

de *W. Kenn*, ĉina membro de L. K. kaj C. K.

Ĉu Esperanto vere posedas universalecon? Tion ĉiam demandas skeptikuloj kiuj kvankam bone scias, ke Esperanto havas rimarkindan komunan karakteron kun multaj aliaj lingvoj klasikaj kaj vivantaj, ĉar al ili mankas la scio pri la karaktero de lingvoj orientaj. Tiuj ĉi lastaj, ŝajnas al ili, estas tiel malsimilaj al la lingvoj Eŭropaj. Sed, se ni atente pripensas momenton, ni povas tuj konstati, ke Esperanto vere posedas universalecon, eĉ karakteron de ĉina lingvo ĝi ja posedas. Do, kelkaj klarigoj pri iliaj similaĵoj eble estus utilaj.

1e Tio kio kaptas nian atenton unue devas esti la simileco de la formado de nombroj numeralaj. En ĉina lingvo ni kalkulas jene:

| | |
|---|---|
| i = 1 | lu = 6 |
| l' = 2 | ci = 7 |
| san = 3 | ba = 8 |
| si = 4 | ĝin = 9 |
| vu = 5 | ŝi = 10 |

Por 11 ni diras ŝi-i, 12 ŝi-l', 13 ŝi-san, 14 ŝi-si, 15 ŝi-vu ktp. Ankaŭ

| | |
|---|---|
| l'-ŝi = 20 | vu-ŝi = 50 |
| san-ŝi = 30 | lu-ŝi = 60 |
| si-ŝi = 40 | ci-ŝi = 70 |

kaj por 35, ni simple prenas la san (3), la ŝi (10), kaj la vu (5), kaj ilin kunigas, tiel ke ili fariĝu „san-ŝi vu". Same ni diras vu-ŝi ĝin por 59, lu-ŝi san por 63, ba-ŝi lu por 86, ĝin-ŝi ba por 98 ktp. guste kiel en Esperanto. Por 100 ni diras be, tial 300 ni diras san-be, 900 ĝin-be, 335 san-be san-ŝi vu, 553 vu-be vu-ŝi san, 869 ba-be lu-ŝi ĝin, ktp.

Tio estas tre rimarkinda, ĉar ni tre malfacile trovas similecon en aliaj lingvoj.

2e Afikso, t. e. prefikso kaj sufikso, ekzistas ankaŭ en aliaj lingvoj, sed oni ne observas ĝin kiel gravan lingvan elementon, kaj ĝin uzas malmulte kaj ĉiam neregule. En Esperanto kaj en ĉina lingvo afikso okupas honoran kaj vastan spacon, kaj fariĝas unu el la plej gravaj elementoj dum la lingva evoluado. Per ĝi la lingvo disvolviĝas flore kaj ĉarme; per ĝi la vortoj plimultiĝas libere; kaj ĝia uzado estas grandega kaj tute regula.

Ni havas en ĉina lingvo diversajn afiksojn, kiuj signifas buŝon, teron, akvon, arbon, herbon ktp. Do, per la afiksoj de buŝo ni trovas vortojn jene: krii, voki, kanti, fajfi, deklami, engluti, ktp. La vortoj lago, maro, rivero, ondo, tajdo, laguno apartenas al la kategorio kun afikso de akvo; vortoj kiel urbo, limo, fortifikaĵo, strato, tombejo, portas la afikson de tero; kaj la kategorio kun bird-afikso produktas vortojn kiel koko, kolombo, ansero, najtingalo, ktp.

Tio tute similas Esperanton, ke ĉiuj vortoj montrantaj la belan sekson portas la sufikson „-ino",*) kaj vortoj finiĝante per „-ilo" signifas instrumenton ktp. Tiajn afiksojn ni kalkulas pli ol cent en la ĉina vortaro.

3e Mi nun parolas pri kunmetitaj vortoj. Multaj ja envias, ke Esperantistoj havas vortojn tiel facile faritajn, kiel „kunsido", „libertempo", „antaŭparolo", kaj tiel facile komprenatajn, kiel „versduo", „duonverso"; la du lastaj tradukas tre malfacilajn anglajn vortojn „distich" (fr. distique) kaj „hemistich" (fr. hémistiche) respektive. Sed tion la ĉinoj tute ne invias, ĉar vortoj kunmetitaj jam floras en la ĉina lingvo, precipe pro tio, ke la lingvo estas unusilaba, kaj unu vorto aŭ silabo kelkafoje ne sufiĉas esprimi kompletan sencon.

Ni havas jene tre ordinarajn kunmetitajn vortojn:

Ekzemple „tung-ĉi-cej".

„Tung" signifas „sama", „ĉi" = „ideo", kaj „cej" = „anto". Do, la tuta vorto signifas „samideanto", t. e. „samideanoj", kiun oni tre malfacile tradukas angle aŭ france.

Ankaŭ „ci-li".

„Ci" signifas „mem", „li" = „stari". Do, la tuta vorto signifas ĝuste „memstara".

Ni havas ankaŭ kunmetitajn vortojn kiuj ĝuste tradukas „laŭ"-„vola", „ekster"-„landa", „okul"-„vitro", ktp. kaj eĉ „unuopa" kaj „botaniko", ni tradukas respektive „ĝin-ŝi" (proksime-vidi) kaj „ĉi-vu-ŝo" (vegeta-aĵo-scienco).

4e Nun alvenas mia parolo pri gramatiko. Preskaŭ en ĉiuj lingvoj la plej granda malfacilaĵo gramatika restas en la verbo. Feliĉe, esperanta verbo estas tute simpla, tiel simpla, ke ĝi multe similas la ĉinan kiu tute ne havas fleksion pro tio, ke la lingvo estas unusilaba, ne fleksia.

Ekzemple „jaŭ" signifas „havi".

„Vo" signifas „mi", „ni" signifas „ci", „ta" signifas „li", „vo-mun" signifas „ni", „ni-mun" signifas „vi", „ta-mun" signifas „ili".

| | | |
|---|---|---|
| Por „mi havas" | mi diras | „vo *jaŭ*". |
| „ ci havas | „ „ | ni *jaŭ*. |
| „ li havas | „ „ | ta *jaŭ*. |
| „ ni havas | „ „ | vo-mun *jaŭ*. |
| „ vi havas | „ „ | ni-mun *jaŭ*. |
| „ ili havas | „ „ | ta-mun *jaŭ*. |

Por esprimi la pasintan kaj la venontan tempon ni aldonas respektive „i" (jam) kaj „cang" (baldaŭ) al la vorto. „Ho" signifas „eble" kaj montras kondiĉan modon.

Do, krom tio, ke „jaŭ" taŭgas por mi, ci, li, ni, vi, ili en la estanta tempo, ni havas „i-jaŭ, „jam havi" aŭ „havis" taŭgantan por ĉiuj personoj en la pasinta tempo, „cang-jaŭ" = „havos" por la venonta tempo, kaj „ho-jaŭ" = „havus" por la subjunktivo. Por esprimi „anta" kaj „inta", ni uzas „fang" (ekkomenci), kaj „van" (fino). Do, se ni prenas la vorton „se" (skribi), ni povas traduki „estas skribanta" per „fang-se", kaj traduki „estas skribinta" per „se-van", la du ambaŭ taŭgas por ĉiuj personoj. Ĉu la verboj ĉina kaj esperanta ne estas tre similaj unu la alia?

Krom la antaŭcititaj punktoj: la nombro, la afiksoj, la kunmetitaj vortoj kaj la verboj, kiuj ja montras gravan fakton pri la eco komuna inter Esperanto kaj la ĉina lingvo, estas ankoraŭ alia simileco kiun mi ne povas tie ĉi citi detale.

Unuvorte, Esperanto ja enhavas komunan karakteron kun la ĉina lingvo. Kreskiĝante okcidente ĝi tute senscie posedas elementojn orientajn pro tio ni povas absolute konstati, ke ĝi vere posedas universalecon. Ĉina lingvo, se ne la unua, tamen estas unu el la plej malfacilaj kaj plej malregulaj lingvoj en la mondo. Feliĉe, en ĝia malfacileco kaj malreguleco, ĝi kelkafoje rekompencas nin per granda facileco kaj bona reguleco, kiuj, tre strange kaj ĝojege al la homaro, ĝuste falis en la manon de Zamenhof!

*) Ni ankaŭ havas la afikson de „ino".

# LITERATURO

## TRA LA LIBROJ.

Detala raporto pri ĉiu publikaĵo okupis tro ampleksan lokon en nia gazeto. Estonte la eldonaĵoj estos bibliografie notataj en la rubriko „Novaj libroj". Sub titolo: „Tra la libroj" aperos ne plenaj sciencaj prilingvaj recenzoj, ĉar multaj aliaj gazetoj jam daŭre komisiis al lertaj kunlaborantoj tiun tre utilan laboron, sed pli simplaj ĝeneralaj impresoj de nura leganto, celanta informi aliajn legantojn pri la enhavo de la plej rimarkindaj novaperintaj verkoj.

---

**Morgaŭ Matene. — Johano la Brava. — Natan la Saĝulo. — Faŭsto I. — Historioj de Esperanto. — Abismoj. — Idoj de Orfeo. — Internacia Mondliteraturo. — Kvinjaro de Sovjetlandoj.**

* * *

Kelkaj abomenas la antaŭparolojn; ili pensas: verko povas prezenti sin mem kaj oni ne bezonas pri ĝi altrudi opinion al la leganto. Aliaj ŝatas ilin, ĉar en konciza formo ili ofte donas la ĉefideon de multpaĝa libro. Ofte la esperantaj bezonas du: unu en kiu la aŭtoro priparolas sian celon, dua en kiu la tradukinto laŭdas la tradukiton; kaj ĉar per Esperanto oni konigas fremdajn verkistojn, tia dua enkonduko estas ekzistenda.

* * *

Plezure ĉiu legos en **Morgaŭ Matene***) noton pri Frederiko Karinthy kaj precipe la antaŭparolon en kiu tiu hungara literaturisto esprimas siajn ideojn pri dramarto; tiuj paĝoj estas, en la bona traduko de S-ro R. de Kalocsay, kompareblaj kun la plej bonaj filozofiaj aŭ literaturaj studoj de ajnlanda unuaranga verkisto. Ĉefe la dramo mem estas leginda, ne nur ĉar la traduko estas valora, sed ankaŭ ĉar la originalo tia estas. La aŭtoro ne nur volis kiel aliaj dramistoj prezenti la plej tipajn viverojn de individuo; por li la scenejo estas eksperimentejo; li forigas la cirkonstancojn, kiuj en realeco kaŝas la sentojn profundajn aŭ devojigas la instinktajn agojn, kaj montras personojn kun iliaj plej veraj preskaŭ nekonataj trajtoj. Li levas la maskojn pri kiuj jene interdiras du el la roluloj:

*Bella*: Min la „homo" interesas unuavice, fileto, kaj ne tio, kion la homo faras.

*Ember*: Kaj mi ĉiam ... kaj min ĉiam tio instigis, ke la verko, faritaĵo, laboro estas pli ol la homo.

*Bella*: Malantaŭ la faritaĵo kaŝas sin la homo. La faritaĵo estas nur masko.

*Ember*: Do ... ĉu tiel mizera kaj malbela estas la vizaĝo de la homo, ke li ĉiam faras maskon?

*Bella*: Estas io prava en la afero. La perfekta homo, la homo kun perfekta korpo kreas ja nenion, li ne bezonas tion. Pli volonte li detruas kaj neniigas.
— — — — — — — — — — — — — — — —
La grandajn epopeojn pri senmortaj herooj ĉiam blinduloj verkis kaj lamuloj. La herooj ne skribas epopeojn, fileto ... La herooj ...

*Ember*: Do kion ili faras?

*Bella*: .... Mortas. Poste venas la lamulo kaj la mizerulo kaj skribas la senmortan epopeon, kaj li ankaŭ vivas per ĉi .... kelke da ili eĉ tra eternaj tempoj. Nur la malsanuloj vivas eterne... la sanaj homoj ĉiuj mortas..

*) Eld. Hungara Esperanto-Instituto, Budapest.

Ne nur tiu lasta aserto estas paradoksa, la tuta teatraĵo havas tiun econ; per tio, per sia strangeco, interesaj karakteroj, moderneco, certe „Morgaŭ Matene" ne restos ignorata en nia dramaro. Ni ankaŭ laŭdu la tradukinton, ke li bonvolis listigi kaj klarigi la novajn uzataĵn vortojn.

* * *

De l' sama ŝprucema fonto fluis ankaŭ la traduko de rimarkinda popolfabelo de Petöfi: **Johano la Brava.**†) Mi jam legis bonegajn poeziojn esperantajn; malpli perfektaj estas cetere pli multnombraj. Sed ĝis nun mi ne legis tutlibran poemon tiel facile kaj tiel ĝue. Vere senpenaj, klaraj, kompreneblaj, intence naivaj, harmoniaj, tamen severe regulaj laŭ ritmo kaj rimo sinsekvas la kvarlinia strofaro. Eĉ en la kelkaj lokoj, kie la lerta tradukinto uzis la asonancojn — li prave proponas ilin kiel pliriĉigon de nia, sen tio, malriĉa rimaro — ne perdas la versoj siajn kvalitojn.

La reĝo parolas al Johano:

> Do, Johan' la Brava, ĉar per via mano
> Liberiĝis mia kara solinfano,
> Havu ŝin kaj estu ŝia edzo bona
> Kaj kun ŝi eksidu sur la seĝo trona.
>
> Sidi sur la trono al mi jam sufiĉis,
> Sur ĝi maljuniĝis, sur ĝi mi griziĝis.
> La regnestraj zorgoj min jam tro lacigas,
> Do kun kor' facila ilin mi abdikas.

Mi ne pli rakontos la mirigajn aventurojn de „Johano" ol la intrigon de „Morgaŭ matene". Ambaŭ oni legu; „Johano la Brava" estas traduko; ĝi ankaŭ estas rekreaĵo, unu el la brilaj perloj de nia poezia trezoro.

* * *

Ĉar temas pri esperanta poezio, oni povus fari interesan komparon pri la metodo de S-ro Kalocsay en „Johano la Brava", tiu de S-ro Minor en **„Natan la Saĝulo"***) kaj tiu de S-ro Barthelmess en **„Faŭsto"**.**) Tiuj verkoj tute ne similas, kaj de l' unua ĝis la tria la malfacileco senteble pliiĝas. La unua estas ritma kaj rima, la dua ritma sen rimoj, la tria rima kun malpli regula ritmo. Natan tiel parolas:

> En temp' nememorebla viro vivis
> En Oriento; ringon altvaloran
> De mano kara li posedis. — Ŝtono
> Opal' enestis centkolora, kiu
> Sekretan forton havis: ĝi estigis
> Agrabla antaŭ Di' kaj homoj la
> Kun fido ĝin portantan. — Ne mirige,
> Ke tial ĝin la vir' en oriento
> Neniam metis for kaj testamentis,
> Ke en la gento ĝi eterne restu.

†) Eld. de Literatura Mondo, Budapest.
*) Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin und Dresden.
**) Eldona Kooperativo de Sennacia Asocio Tutmonda, Düsseldorf.

Faŭsto jene esprimas sian duecan naturon:

Emegon unu nur konscias vi:
Ekkonu duan vi neniam!
Animojn du en brust', ha, tenas mi,
Forlasi volas unu la alian:
La unu en amego krude-ĝua
Al ter' fiksiĝas kroĉoj kun organoj;
Perforte sin de l' polvo levas dua
Al sfer' de altaj postteranoj.
Ho, se spiritoj en aeroj
Regadas inter ter' kaj ĉiel' vaporaj,
Vi paŝu teren oraj el eteroj
Forlevu min al novaj vivkoloroj.

Pli poezia ŝajnas la senrima teksto de Natan ol la rimanta kaj tro ofte „adasista" traduko de Faŭsto; same pli agrablaj por orelo sonas asonancoj: rivero — juvelo, panjaĉo — junaĝo, de S-ro Kalocsay ol pseŭdorimoj: anĝeloj — superbelaj, rubrikoj — laŭbutikaj, de S-ro Barthelmess. Sed tio estas detaloj.

Grava verko de Lessing, la kreinto de klasikaj formoj en la germana literaturo, estas „Natan la Saĝulo" ne nur pro ĝia versformo sed ankaŭ pro ĝia enhavo samtempe tragedia kaj filozofia; ĝi prezentas la konflikton inter tri religioj, kristana, mahometana kaj hebrea, kaj konkludas, ke ili estas kvazaŭ tri formoj de l' vera homa kredo.

La traduko de S-ro Minor estas flua, komprenebla, ofte belsona. Lia antaŭparolo klarigas ĝenerale laŭdindajn regulojn de poezia tradukado; pri unu mi ne povas konsenti: permesi en versoj kalkuli silabojn kun i kiel estus j. Ekzemple la verso:

„Ĉe l' piedoj de ĉi tiu fiera viro"

devas esti prononcata dekunusilabe jene:

„Ĉe l' pjedoj de ĉi tiu fjera viro".

Tiu libero, eĉ en poezio, estas tiel kontraŭa al la fundamentaj principoj de nia lingvo, ke ĝi estas tute ne akceptebla.

* * *

La alia laborego, tiu de S-ro Barthelmess, traduko de Faŭsto, estis tiel malfacila, ke rezulto pli perfekta eble ne estas atingebla. Nur penige oni legas oftajn versojn kun tiom nenatura vortordo, ke ili fariĝas preskaŭ nekompreneblaj, des pli, ke la originalo mem posedas partojn neklarajn. La tradukinto rezignis je komentario, kiu estus preskaŭ necesa.

Faŭsto, imaga heroo, temo de multaj literaturaĵoj trovis definitivan formon el la ĉefverko de Goethe. Faŭsto kaj Mefistofelo estas tutmonde konataj tipoj, kiuj simboligas la du partojn de l' homa karaktero, ĝian animon sopirantan al idealo, ĝian malaltan neantan spiriton. Ĉu tiun esencan ideon, ĉu la aliajn filozofaĵojn, ĉu ankaŭ la konscion pri la admirinda stilo de l' verko havos la legantoj de l' esperanta traduko? Mi tre dubas, malgraŭ konscienca grava klopodado.

Ekzistas ja en ĉiu literaturo verkoj tiel intime ligataj al aparta pens- kaj esprimmaniero, ke ilia transigo en alian lingvon postulus ne tradukon, sed reverkon, kaj preskaŭ la genion mem de l' aŭtoro.

* * *

Mallonge estu ankoraŭ citataj la represo de la ŝatata verko de S-ro Privat: **Historio de la lingvo Esperanto**,*) kiu estas nun eldonata sur papero kaj per literaro multe pli agrablaj ol antaŭe, kaj la apero de **Historio de Esperanto****) de K. Brüggemann, kies parto konsistas el tekstoj de Zamenhofaj paroladoj. Ambaŭ verkoj unu la alian kompletigas: de S-ro Privat traktas science pri la lingva sintezo, kiu estas Esperanto, pri ĝia naskiĝo kaj unuaj paŝoj, S-ro Brüggemann ĉefe resumas la kongresan epokon; kunigo de l' du verkoj haviĝos al ĉiu nova samideano, aŭ al kandidato por ekzamenoj, bonan, sufiĉe plenan konon pri nia ĝisnuna movado.

*) Eld. Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig.
**) Esperanto-Verlag Friedrich Ader, Dresden.

* * *

Ernesto Muŝko malbone kondutis kaj elspezis sian havon. Savrimedo ekaperas: edziĝi je Halino Borki, de riĉa najbaro solfilino, kiu pro enuo kaj amsoifo unue akceptas lian proponon. Mateo Ardo, orfo, estas edukita kun Zonjo, kaj ili fianĉiĝis. Sed Mateo hazarde alveninta ĉe S-ro Borki plaĉegas ties filinon kaj estas preskaŭ delogata de ŝi. Muŝko malespere bruligas sian domon dum Mateo sukcesas forsavi sin el la peka pasio por reiri al sia unua amo.

Tiun temon traktis la verkinto de **„Abismoj"***) tre originale, ĉar ĉiu sinsekva ĉapitro estas konfeso de unu el la dramaktoroj, kiuj siavice malkaŝas al ni sian intiman pensadon. El simpla intrigo, kaj malgraŭ maniero kiu malpermesas la viglon de l' rekta interparolo, *Jean Forge* tamen sukcesis verki interesan plenan romanon; tio jam estas neordinara merito. Troon de mallongaj frazetoj kaj abundon de haltigpunktoj trudis la alprenita verksistemo. La stilo estas flua, tre bona, tute laŭfundamenta. Jene Muŝko riproĉas al si, ke Mateo, la pentristo, anstataŭis lin en la koro de Halino:

„Kaj vi estis granda malsaĝulo. Kial vi saltis sur la tolon, sinjoreto? Venis tiu pentrulo kaj ekprenis grandan penikon, trempis ĝin en dikan cinabron kaj dum unu tago superpentris vin, malaperigis vin de la tolaĵo per dika pentra cinabra gluaĵo kaj sur vi formis alian vizaĝon . . . . li simple forpenikis vin, kaj vi ne povis eĉ kontraŭstareti . . . . kaj li ridis pri via senlima malsaĝo kaj infana senhelpo."

„Kaj ŝi? Ŝi neniel protestis, sed kruele ĝuis vian mortgrimacitan vizaĝon. Ŝi miksis al tiu pentrulo la diversajn kolorojn . . . kaj komune ili fikse premis vin al la tola muro kie vi nun gluiĝas senmove . . . ili komune vin „mortpenikis"!"

La titolo, la unua ĉapitro, kaj oftaj aludoj al abismoj promesas alion ol la verko mem liveras, kaj estas ia misproporcio inter ambaŭ aferoj; ankaŭ formoj: „rapidiĝi, droniĝi, ĉesiĝi, timiĝi, bruliĝi" ktp. ne estas konsilindaj. Krom tiuj malgravaj rimarketoj, ĉio en la libro estas laŭdinda kaj „Abismoj" estas valora riĉigo de nia originala romanaro.

* * *

Ne nur pro sia amplekso **„Idoj de Orfeo"**,**) ankaŭ originala romano, egalas duoblon de ordinara, sed pro la temo mem ĝi estas kvazaŭ triobla, ĉar efektive ĝi rakontas la strangan aventuraron de tri ĝemeloj. La patro, freneziĝinta, forportas du; li forlasas unu en Nordnederlanda dometo, duan en boato, dum la patrino, malsanega, estas senigita je l' tria. Kiel vivos la tri orfoj, kiuj ne konas siajn gepatrojn, kiel ĉiu fariĝos fama muzikisto, fine retrovos unu la alian kaj ekscios sian devenon, jen kion kun streĉa atento iom post iom malkovros la leganto. Tre laŭdinda estas la celo de S-ro *Bulthuis* kaj rimarkinda lia lerteco ĉiam interesi kaj veki scivolon; ankaŭ lia simpla, vigla stilo permesas varme rekomendi lian verkon juste premiitan de

*) Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig.
**) Centra Esperanta Librejo, s'Gravenhage, Nederlando.

nia Akademio. Oni povas demandi sin, ĉu la verko sin turnas ĉefe al junuloj aŭ al plenaĝuloj; por la unuaj taŭgas la bonintenco kaj la mirigaj aventuroj, eble malpli la longo kaj moraliga tendenco; por la duaj plaĉos la karakteroj de l' personoj kaj la lerta aranĝo de l' okazoj, sed malpli la tro granda neverŝajneco de l' temo kaj de multaj miraklaj renkontiĝoj. Ankaŭ por nenion kaŝi de l' miksita postlegada impreso, la fakto, ke la ĉefa persono, Johano, fine estas montrata kiel nereala homo, speco de gardanĝelo, ankoraŭ forigas la karakteron de romano, por pliigi tiun de fantaziaĵo. Malgraŭ tio pluraj partoj estas tiel tipaj kaj vivaj, ke ĉiu leganto certe konservos daŭran agrablan memoron pri la libro; kion plu povas postuli verkinto?

* * *

Samaj per plaĉa eksteraĵo kuŝas antaŭ mi kvar volumoj de l' bona kolekto „Internacia Mondliteraturo".*) **„Tri noveloj"** de *Puŝkin* (traduko de *D-ro A. Fiŝer*), la unua kun mortigo, la dua kun kaŝita edziĝo, la tria kun duelo, havas tiun agrablan vere romanecan karakteron de l' verkoj de l' unua duono de l' pasinta jarcento. La **„Elektitaj noveloj"** de *Turgenev* (traduko de *Alexandra Mexin*) estas multe pli naciaj rilate al montro de l' rusa popola animo, ĝia subcara socia stato, ĝiaj superstiĉoj. Pri la poemetoj en prozo, oni ŝancelas pensi, ĉu estas kuraĝo aŭ ignoro retraduki tekstojn jam majstre tradukitajn de Kabe. La **„Legendoj"** de *Niemojewski* (traduko de *Bronislaw Kuhl*) kvazaŭ skribitaj sur marĝenoj de l' Nova Testamento, estas certe la plej originala volumo per sia poezio kaj katenita emocio; ĝi estas fo speciala, impresa, neforgesebla. Ĉu bone estas konservi en internacia teksto vortojn kiel: „Jeruŝalaim, Meŝjaĥ, Kajafas" ktp., dum ni jam kutimas je: Jerusalem, Mesio, Kaifas? Pri la **„Camera Obscura"** de *Hildebrand* (traduko de *H. C. Mees*), ĝi ankaŭ havas sian propran nederlandan koloron kaj humoron. Kelkloke, eble pro troa obeo al la originala teksto, la frazoj estas iom longaj, malsimplaj kun tro da konjunkcioj kaj vortinversioj.

* * *

Kiu interesiĝas pri Sovjeta Rusio, ĉu simpatiante kun tiu socio, ĉu timante aŭ malamegante ĝin, havigu al si la interesan albumon: **„Jarkvino de l' Oktobra Revolucio",**)** solenanta la kvinjaran ekziston de l' nova sistemo. Ĝi per multaj bildoj kaj sugesta teksto iom malkaŝas al ni la spiritstaton, kredon kaj iluziojn de niaj orientaj najbaroj. Ĝin oni aĉetu kiel dokumenton kaj ankaŭ ĉar la libro estas vendata profite de la restarigo de la regionoj, kie furiozis la malsato.

*G. S.*

## Novaj libroj.

**Legendoj.** *A. Niemojewski.* El la pola originalo tradukis *Bronislaw Kuhl.* Kun antaŭparolo de Antoni Grabowski. Dua korektita eldono.
Internacia Mondliteraturo, volumo 2.
Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. 1923.
74 paĝoj, 13×19 cm. Prezo: 1,20 sv. fr.

**Elektitaj Noveloj.** *J. S. Turgenev.* El la rusa originalo tradukis *Aleksandra Mexin.*
Internacia Mondliteraturo, volumo 3. 81 paĝoj.
Eldonejo, formato kaj prezo kiel supre.

*) Ferdinand Hirt & Sohn, Leipzig.
**) Eldono de Centra Komitato de Sovetlanda Esperantista Unuiĝo.

**El la „Camera obscura".** *Hildebrand.* El la holanda originalo tradukis *H. C. Mees.*
Internacia Mondliteraturo, volumo 5. 64 paĝoj.
Eldonejo, formato kaj prezo kiel supre.

**Tri Noveloj.** *A. S. Puŝkin.* El la rusa originalo tradukis *D-ro Andreo Fischer,* L. K. Rekomendita de E. L. A.
Internacia Mondliteraturo, volumo 10.
Eldonejo, formato kaj prezo kiel supre.

**Maŝinfaka Esperanto-Vortaro Prielementa.** (La maŝinelementoj; Maŝinoj; Plej gravaj esprimoj el la konstrukciado kaj teknologio.) Germana eldono: esperanta-germana kaj germana-esperanta kun nombroreferencoj. *Eugen Wüster.*
Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. 1923.
89 paĝoj, 12×17 cm. Prezo: 2,50 sv. fr.

**Abismoj.** *Jean Forge.* Romano originale verkita.
Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. 1923.
150 paĝoj, 13×19½ cm. Prezo: broŝurita 3 sv. fr., bindita 4 sv. fr.

**Idoj de Orfeo.** *H. J. Bulthuis,* L. K. Originala romano. Rekomendita de E. L. A.
Centra Esperanto-Librejo, Bankastr. 2a, den Haag (Nederlando).
544 paĝoj, 12½×18 cm. Prezo: 2,25 ned. guld.

**La Kvinjaro de Sovetlandoj.** Jarkvino de la oktobra revolucio. *L. Sosnovski.* Tradukis el la rusa lingvo *V. Polakov.* Antaŭparolo de E. Drezen.
Eldono de Centra Komitato de Sovetlanda Esperantista Unuiĝo. 1923. Kun multaj bildoj.
80 paĝoj, 17×21 cm. Prezo: 2 sv. fr.

**Alegorioj el la naturo.** *Marcaret Catty.* El la angla lingvo tradukis *George Gordon* (Gego) F B E A. Dua kaj pligrandigita eldono.
London, Brita Esperantista Asocio. 1922.
66 paĝoj, 12½×18 cm. Prezo: 1 sh.

**Deutsch-Esperanto-Wörterbuch.** *P. Christaller.*
Esperanto-Verlag Ellersiek & Borel, Berlin kaj Dresden. 1923.
660 paĝoj, 11×16 cm. Prezo, bindita: 12 sv. fr.

**Oficiala Jarlibro 1923.** 11a jaro. *Universala Esperanto-Asocio,* 12 Boulevard du Théâtre, Genève.
230 + 48 paĝoj, 11½×16½ cm.

**Interrilata Adresaro,** aldono al la Oficiala Jarlibro 1923. *Universala Esperanto-Asocio.*
48 paĝoj, 11½×16½ cm.

**La Espero.** Himno Esperantista. Poezio de D-ro L. L. Zamenhof. Muziko de *F. de Ménil.*
Duobla folio, 22×28 cm. Prezo: 6 p.

**Himno de danko.** Vortoj kaj muziko de *Harrison Hill.*
1 folio, 22×28 cm. Prezo: 3 p.

**La Vera Frataro.** Vortoj kaj muziko de *Harrison Hill.*
1 folio, 22×28 cm. Prezo: 3 p.

**La fama humora kanto Esperanto.** Verkita, komponita kaj kantita de *Harrison Hill.*
Duobla folio, 22×28 cm. Prezo: 3 p.

Ĉiuj kvar kantoj ĉe British Esperanto Association, 17 Hart Street, London W. C. 1.

# POST LA BATALO

**Dediĉata al la „eterne militanta mondo".**

**Premiita dum la IXaj Internaciaj Floraj Ludoj.**

I.

Per nigraj flugiloj alvenas vespero.
Sin banas la suno en sanga rivero.
La montoj murmuras kun eĥaj mortsonoj
pro skua blekego de l' monstraj kanonoj . . .
kaj poste silento. Leviĝas la vento.
Ĝi portas la ĥoron de l' korvo-taĉmento.
Grak-kant' kortimiga aklamas en valo
ĉe l' kapoj, sur kiuj grimacas mortpalo.

Heroo — ne — orfa viktimo mortanta
vundite ĝemadas: „Ah Dio, ci sankta!
Mi devas jam morti kaj vidos neniam
la hejmon amatan, edzinon la mian . . .
Etuloj amataj, vi Manjo, Johaĉjo,
min vane vi vokos per „venu do paĉjo".
La paĉjo nun mortos. Lin tente turmentas,
ke restos vi orfaj, tre orfaj . . . mi sentas . . ."

Post montoj la suno hontruĝe subiras.
En valo la ombroj barakte ĝemspiras
kaj plendas ĥaose delira finalo:
mortkant' de viktimoj sur kamp' de batalo.
„Ve! Helpon! Pro Kristo! La vundoj doloras!
La korvoj . . . ve! Korvoj okulojn elboras!
Ah! Ventron de Dio! Detranĉu la vestojn!
Tuj akvon! Ci, hund' . . . ve! . . . ne maĉu la intestojn!"

Dum horoj tre longaj la ĥoro ve-plendas.
Ĝi morton sopiras, ĝi morton atendas
kaj iom post iom mutiĝas jam ĉio:
henado ĉevala kaj homa mortkrio.
La nigran funebran morttukan vualon
dissternas la nokto sur monton kaj valon.
Grakado de korvoj silentas plensate.
Nur larmoj de nuboj plorpluvas kompate . . .

Sed unu, la lasta, kun veo stertora,
kun forto formorta, kun sento angora
al brusto sangrusta la manon alpremas
kaj pie plorpetas kaj krie blasfemas . . .
„Malben' kaj mizero! . . . Ĉu aŭdas Johaĉjo . . .
Ah ve! Pro diablo! Nun mortos jam paĉjo . . .
Ne! . . . Dio, ci justa! Ci . . . ci post . . . post morto
ne lasu for ilin . . . al batoj de l' sorto . . ."

II.

Per lasta ekĝemo forflugas animo
al sfero spirita, transtera mondlimo.
Li flugas kaj flugas kun sento sentima
al pale brilanta astreto proksima
kaj tie haltinte por turni sin foje,
li ĵetas rigardon al tero malĝoje,
sed kanto de fratoj lin mokas rikane:
„Pri celoj surteraj nun pensi tro vane!"

Turnante sin tien kaj reen li vidas,
la fratoj el mondo spirita nun ridas
kaj ili, formante mistikan dancĉenon,
aklame kantadas: „Ho frato, bonvenon!
Jen morto fariĝis nun nia patrino,
ni vivos eterne en paco sen fino . . .
Ni flugu! Kunflugu! La spaco tre vasta."
Kaj flugas for ĉiuj — nur restas li lasta.

Sed liaj flugiloj, ŝarĝitaj de zorgo,
ankoraŭ malfortas por ŝvebi al pordo
de l' alta ĉielo, al trono de Dio
por esti juĝata pro homa envio.
Lin premas doloro. La tero lin tiras.
„Ho ter' forlasita, je vi mi sopiras!
Ho ter' forlasita, perdita ĉielo,
momenton reveni al vi — jen la celo!

Ah reen! Nur reen! Se nur por momento
min portu flugiloj, donitaj de l' sento,
al orfoj mizeraj, zorglaca edzino,
ĉar ili min vokas kaj vokas sen fino!
Nur reen kaj reen! Mil duboj min tentas.
Inferajn torturojn pro ili mi sentas.
Ho Dio kompata, permesu revenon
kaj poste por puni — min ĵetu gehenon!"

La dia kompato subite lin levas
kaj portas al hejmo, pri kiu li revas.
Per vento vaganta, susure siblanta,
li velas al lando, al hejmo plej sankta.
Dum lia flugado vekiĝas mistikoj:
muĝante murmuras misteraj muzikoj,
fosfore ekfulmas jen fajro sulfura,
jen bruas brilante la tondro terura . . .

III.

„La ter'! Jen la tero! Jen mia edeno!"
Ekstaze aklamas li dum la reveno.
„La lagaj lazuroj lulante zumadas
al rokoj de l' bordoj sin gaje ĵetadas.
Aromaj odoroj parfumas l' aeron,
printempo ornamas per floroj la teron
kaj ĉio kaj ĉie, mi kien rigardas
pro vivo por vivo en ĝojo nun ardas."

„La land'! Jen la lando! Amata patrujo,
en bela ĝardeno de Di' la rozujo . . ."
Sed kion li vidas, la ĝojon ĝi rompas:
la domoj en lumo de torĉoj fest-pompas,
la homoj tumultas kaj tenas pro gloro
en manoj standardojn kaj venĝon en koro,
kaj hurlas la strataj bubaĉoj sen sento:
„Do vivu milito! Ĝi vivu ĝis venko!"

„Vi ventanimuloj de l' blinda amaso,
— spirit' de l' soldato ekĝemas dum paso —
idoladorantoj de falsaj devizoj,
vi hurlas ĉi tie dum mortas en krizoj
la miloj da fratoj sur kampo batala
en lukto ŝakala por venko vandala.
Vi tremos kaj tremu ĉe l' Dio kun timo!
Konscie vi faras glorajon el krimo."

„La dom'! Jen la domo! La domo de l' paco!"
Li flugas ĝojplene al granda palaco.
Palaco, en kiu ne loĝas sinjoroj,
nur homo-formikoj: la sklavoj de l' oro.
Li haltas momenton ĉe flora balkono.
Tra vitroj rigardas li mute sen sono.
Malplena la ĉambro kaj en ĝi neniu,
eĉ mebloj konataj tutmankas de tiu.

Konjekto dolora kruele lin premas.
„Ah, kie vi estas? — li plore ekĝemas —
Geriloj amataj, vi Manjo, Johaĉjo,
jen ĉe l' fenestreto atendas vin paĉjo!"
Sed vanas la vortoj. La ĉambro silentas.
La patran spiriton mil duboj turmentas.
Pli suben pasante li haltas ĉe kelo . . .
„La hejm'! Jen la hejmo! La hejm' de l' mizero!"

IV.

En ŝima kelĉambro nun estras kun ratoj
du bonaj amikoj: malsano, malsato.
En febro baraktas sur pajla bretlito
knabino kvinjara sur frunto kun ŝvito.
Malseke ŝi tusas, grimace mienas,
pro ftizaj suferoj la lipojn kunpremas.
La frato, apenaŭ pli aĝa, ŝin flegas
por helpo de Dio li pie petegas.

La voĉo knabina riproĉe korŝiras:
„Je paĉjo, je kara, mi ĉiam sopiras.
Vi kial forestas? Vi kial ne venas?
Ho paĉjo, al brusto min kial ne prenas?"
„Marinjo, ci eta, ci kara fratino!
Aŭskultu! Mi fablos pri ora feino.
Ne ploru! Ne estu kaprica infane!"
Larmante konsolas la frato, sed vane . . .

„Ah, kie li estas? Ĉu iam li venos?"
„Ne ploru, Marinjo, ĉar paĉjo revenos.
Lin igas batali soldata komando
por gloro de l' reĝo, por vivo de l' lando.
Revenos li — kredu — post fin' de l' milito,
revenos li al ni, revenos kun rido."
Post febra silento ŝi flustras konstate:
„Por gloro de l' reĝo ni mortos malsate".

Nun pala virino malfermas la pordon.
Simile al birdo, se trovas ĝi bordon,
ŝi jetas sin lace sur seĝon kun ploro
„Ve! Vane mi serĉis, ne estas laboro."

La knabo alkuras kaj milde konsolas:
„Patrinjo ne ploru! Nenion ni volas . . .
Hodiaŭ ne estis, sed morgaŭ vi trovos . . .
Nin helpos la Dio, li helpi ja povos . . ."

La patra spirit' kun rigardo penetra
sin premas avide al kadro fenestra
kaj lia ve-ĝemo, la ve' de l' martiro,
flugiras tra landoj per spir' de l' zefiro.
La veo krozadas. Ĝi serĉas respondon
en koroj de homoj plorantaj la mondon,
en kiu triumfas pasioj venenaj,
jetantaj la fratojn al flamoj gehenaj.

V.

Tra tomba silento en kriz' agonie
ekridas la voĉo knabina ĝojkrie:
„Jen estas! Jen estas! Rigardu Johaĉjo!
Revenis, alvenis kun rido la paĉjo!
Patrinjo, Johaĉjo rigardu lin kune,
ĉar lia vizaĝo radias nun sune! . . .
Ho kisu la frunton de via filino!"
„Filino amata!" — timkrias patrino.

„Feliĉa mi estas, ĉar paĉjo min kisis.
De frunto la ŝviton per kis' li forviŝis.
Ah, paĉjo! Vi estas sangplena, ĉifona . . .
kaj vundon nun havas la koro tre bona . . ."
La pala virino, pli pala ol neĝo,
sin jetas genue ĉe l' lito por preĝo:
„Ne! Dio! Sufiĉas! Mi petas favoron!
Indulge kompatu! Ne ŝiru la koron!"

„Ho! Haho! Jen flirtas al blanka lilio
ŝarĝite per ora florpolv' papilio.
Ho, paĉjo, ĝin kaptu kaj portu rapide!
Ne! Lasu! Ĝi iĝis bufego subite . . .
Jen! Vidu! Ĝi saltas, eĉ flugas kun bruo . . .
Ne estas ĝi bufo, sed monstra noktuo . . .
For de mi! For! Helpon! Ĝi preni min volas!
Martbatu ĝin, paĉjo! Ve! Paĉjo! Doloras! . . ."

La pala patrino leviĝas senvorte.
Ŝi duonfreneze sin trenas malforte
al edza portreto, pendanta sur muro,
kaj tie ŝi preĝas kun kora teruro . . .
kaj iom post iom la eta knabino
ekdormas pro tuŝ' de sonĝofeino
kaj ambaŭ manetojn sub kapon ŝi metas.
Sur vangoj purpuraj la febro ridetas.

La knabo ĉe l' tablo pretigas nun lumon
kaj prenas poŝtkarton, inkujon kaj plumon
kaj skribas larmante: „Patret', dank' al Dio
ni vivas en sano kaj mankas nenio . . ."
Trankvilo de tomboj . . . Eĉ preĝo silentas,
nur patra spirito ekstere plorplendas,
kaj eĥas en nokto hurlado sen sento:
„Do vivu milito! Ĝi vivu ĝis venko!"

*Julio Baghý.*

# ESPERANTISMO

*CENTRA ESPERANTO-KOMITATO*
*Centra Kaso.*

10 Oktobro 1923.

## Alvoko al la esperantistaro!

Financa subteno estas urĝe bezonata por la oficialaj institucioj de la esperantistaro, nome:

**Lingva Komitato** (L. K.) kun ĝia **Akademio**;
**Konstanta Reprezentantaro** de la Naciaj Societoj (K. R.);
**Universala Esperanto-Asocio** (UEA) kun ĝia Komitato; kaj
**Centra Esperanto-Komitato** (C. K.) kun ĝia Konstanta Kongresa Komisiono (K. K. K.)

La C. K., kiu zorgas pri la ĝeneralaj interesoj de la Esperanto-movado, starigis **Centran Kason,** kiu enspezas donacojn, kotizojn de kongresoj, kotizojn de naciaj societoj pere de la K. R., kaj subvencion de UEA.

La C. K. petas al la bonvolaj esperantistoj, ke ili tuj per siaj donacoj provizu por la Centra Kaso sufiĉe da monrimedoj por ĝenerala propagando, por la subteno de la Lingva Komitato kaj la Centra Oficejo en Parizo, kaj por certigi, ke la nova organizo de la Centraj Institucioj havu bonan kapitalon por komenci fruktodonan laboron.

De nun la respondeco por la subteno de la Centraj Institucioj restas ĉe la esperantista popolo. Do, kiu povas, tiu donu al la Centra Kaso. Eĉ la plej malriĉa ne detenu sin. *Multaj etoj fariĝas egoj.* La grupoj bonvolu organizi periodajn monokolektojn. La naciaj societoj sendu monon al S-ro Edmonds, kasisto de la K. R. En la malbonvalutaj landoj oni aĉetu dolarojn aŭ britajn monbiletojn. Bonfaremaj bonhavuloj dediĉu jarajn sumojn al la kaso. Tiuj kiuj tion deziras, rajtas direkti, ke mono sendita estu uzata por L. K., Ĝenerala Propagando, Centra Oficejo en Parizo, UEA ktp. Se direkto mankas la Centra Komitato metos la monon en la Centran Kason kaj ĝin dispartigos inter la Oficialaj Institucioj laŭbezone.

Samideanoj, la Oficialaj Institucioj, kiujn vi kreis, ne povas funkcii nur per bonvolo. La Centra Komitato ja bezonas bonvolon, sed ĝi ankaŭ bezonas viajn monoferojn. Ni atendas ilin.

Por la Centra Esperanto-Komitato:
*W. M. Page,*
financa fakestro.
31, Queen Street, Edinburgh.

Aliaj gazetoj bonvolu represi kaj traduki nacilingven.

---

# KRONIKO.

La sekvantaj novaĵoj estis speciale senditaj al ni kaj pro tio ni presigas ilin. Represo de kronikaĵoj el naciaj gazetoj estas tro malfrua. Ni proponas, ke la naciaj societoj sendu al ni tre mallongan resumon pri la movado en sia lando ĉiam en la mezo de ĉiu monato.
*Red.*

## Aŭstrio.

El la 326 aŭstriaj, precipe Graz'aj infanoj, kiuj per helpo de la hispanaj Esperantistoj estis gastigataj en Hispanujo unu ĝis tri jarojn, revenis en julio la lasta grupo. 80 infanoj por pli longa tempo ankoraŭ restas en la gastama lando. Kvarlingva memorlibro pri tiu Esperanto-Infanhelpo estas en preparo.

Aŭstria Laborista Ligo aranĝis tutregnan kongreson.

En *Wien* komencis grava propagando inter komercistoj tuj post la Venezia Konferenco. Pli ol 80 reprezentantoj de ministrejoj, ŝtataj oficejoj, korporacioj, komercaj, turismaj societoj, grandaj firmoj, kaj de la Foiro kunvenis kun la prezidantoj de la plej gravaj Wien'aj esperantaj unuiĝoj por pritrakti la rezolucion de tiu Konferenco. Parolis S-ro Karl Sikor, prezidanto de la kunveno, S-ro Franz Schade, delegito al la Venezia Kongreso, kiu uzis la oficialan raporton senditan de la aŭstria konsulo en Venezia S-ro A. Poppauer, registara konsilisto. Fine parolis S-ro Otto Simon, profesoro de la Nova Komercakademio pri „Esperanto kaj la komercista idaro". La kunveno alprenis rezolucion favoran por la uzo de Esperanto. Necesas, ke simila granda propagando kaj kursoj por komercistoj estu aranĝataj en ĉiuj landoj kaj ĉefurboj merkataj, kiel sekvo al la sukcesinta Venezia Konferenco.

## Bulgario.

La 12 — 15 julio okazis en Tirnovo la deka Kongreso de bulgaraj esperantistoj. Ĉeestis pluraj rumanaj samideanoj. La ministro de popola instruado sin reprezentigis. La venonta kongreso okazos en Ruse (Rusĉuk).

La Ministro de Komerco aĉetis kvanton de la broŝuro pri la Venezia Konferenco kaj rekomendis ĝin per speciala cirkulero al la komercaj ĉambroj.

La Ministerio de Milito oficiale permesis al la oficiroj surhavi esperantan insignon.

## Ĉeĥoslovakio

Ĉeĥoslovaka esperantista instituto estis fondita en Praha de S-ro Pitlik.

En Ekspozicio de Porfremdulaj Asocioj, la Ĉsl. Asocio Esp. ekspozas esp. gvidlibrojn kaj afiŝojn, UEA kompletan kolekton de gvidfolioj. Ĵurnaloj de Praha menciis la sukcesan uzadon de Esperanto por turisma kaj informa servoj.

La IV^a Kunveno de Okcidentbohemaj Esperantistoj okazis en Plzenec apud Plzeň. Ĉeestis 65 personoj.

## Francio.

En la Kongreso de l' „Association Française pour l' Avancement des Sciences" kiu ĵus okazis en Bordeaux, komunikaĵoj pri Esperanto estis prezentitaj al la Lingva Fako de S-roj Rollet de l' Isle, Q. Baudet, Moissenet, Flageul, kaj favore akceptitaj.

Krome la Esperantista Grupo de Bordeau invitis la kongresanojn al parolado de S-ro Rollet de l' Isle pri „Esperanto kaj la Internacia Scienca Kunlaborado". Tiun kunvenon ĉeestis S-ro Desgrez, prezidanto de la kongreso, kaj S-ro Depoin, prezidanto de la Lingva Fako.

En la Higiena Ekspozicio okazinta en Strasbourg oni vidis esperantajn klarigojn sur objektoj senditaj el Ĉeĥoslovakio. Imitinda ekzemplo.

La 29^an de julio okazis en la tombejo de Lalheue, vilaĝeto apud Chalon, rememoriga kunveno honore de S-ro Bord, prezidinto de la esperantista federacio de Bourgogne. En la sama tombejo ripozas ankaŭ S-ro Decouches, prezidinto de la grupo de Creusot.

S-ro Richard-Millet faris paroladon antaŭ la tombo de S-ro Bord, kaj rememorigis la laboron kiun li faris por la iama plej potenca franca federacio esperantista.

Oni decidis energie revivigi ĉiujn esperantajn grupojn de Bourgogne kaj redoni al la federacio la potencon kiun ĝi havis iam, dank' al la senlaca laboro de S-ro Bord.

## Germanio.

En *Kassel* okazis la 11—15 aŭgusto la 3a Kongreso de S. A. T. Partoprenis 250 gesamideanoj. Nekrassov paroladis pri „Sennaciismo“. Komunista fako de S. A. T. estis fondita. Propono pri aliĝo al la 3a Internacio estis malakceptita.

La granda internacia transportentrepreno Carl Lassen, Berlin N.W. 21, Alt-Moabit 94, kiu posedas pli ol 60 filiojn en Germanio kaj eksterlando oficiale uzas Esperanton. En festo de Surdmutula Teatra Unuiĝo en Bonn am Rhein, D-ro Richard Rung, prezidanto diris dum sia parolado „Pri arto kaj scienco en la surdmutula kulturo“, ke la surdmutuloj jam posedas principe en sia gesta lingvo internacian lingvon, sed bedaŭrinde nur kiel eksteran signo-lingvon, kiu ja estas sufiĉa por la buŝa interrilatado, tamen ne sufiĉas por la skriba interrilatado kun la surdmutuloj de alia nacieco. Sed tiu ĉi fakto baras al la surdmutuloj la partoprenon al la arto kaj scienco, kiu — kiel la parolanto pruvis — estas same internacia, kiel la amo, sub kies devizo laboras la de la parolanto en Bonn fondita Internacia Sociala Surdmutula Konsilejo „Amo kaj Helpo“.

## Latvio.

En la protokolo de la 15a Kongreso necesas jena aldono: S-ro Edgar Grot, komitatano de Riga Esperanta Societo en Latvio prezentis skribajn rajtigilojn de 21 organizaĵoj kaj salutis la Kongreson nome de 21 redakcioj kaj 10 societoj.

## Pollando.

En pola parlamento oficiala reprezentanto S-ro A. Pankratz publike defendis Esperanton kaj uzis samtempe la okazon por ĝin konigi. Polaj civitanoj estis de kelkaj monatoj observataj de sekretaj policistoj, verŝajne ĉar ili apartenis al S. A T. S-ro Pankratz interpelaciis la Ministron pri Internaj Aferoj pri tiu afero. La tuta teksto de la interpelacio estas tradukita de la Pola Esperanto-Servo en Bydgozsz.

La kvara pola esperantista kongreso okazis en Poznán. La ekspozicio organizita en la Universitato havis grandan sukceson kaj oni vendis multajn lernolibrojn. La sabatan vesperon la kongresanoj pasigis agrable en restoracio Jarocki. Oni kantis la Himnon kaj „la Tagiĝo“ de Grabowski. Dimanĉe matene okazis meso, celebrita de pastro preposto Cieszyński, prezidanto de la loka grupo. La oficiala kunsido okazis tagmeze en la Universitato. Diversaj deziresprimoj estis alprenitaj. Dua kunsido okazis vespere kaj finis per ĥorkanto de la himno.

## Rumanio.

Pro oftaj informpetoj perjene ni komunikas al la samideanaro, ke en Rumanlando telegramoj redaktitaj en Esperanto estas akceptataj laŭ oficiala cirkulero de la Ĝenerala Direktejo de la Rumana Telegrafo, datita la 31an de julio 1900 sub N-ro 40.445 kaj sonanta jene:

Al ĉiuj telegrafejoj en la lando kaj en stacidomoj!

„Ĉar la Direktejo akceptas redaktadon de telegramoj ankaŭ en lingvo Esperanto, de la ricevo de tiu ĉi cirkulero vi akceptos tiujn telegramojn tiel por la interna uzo, kiel por la internacia.“

La ĝenerala direktoro:
*Petre A. Zahariade* pm.

La citita cirkulero aperis en la tiama „Buletin Telegrafo-Poŝtal“.

## Hungario.

La 20—21 oktobro okazos eksterordinara ĝenerala kunveno de la Hungarlanda Esperanta Societo en Budapest. Okazos brila koncerto. Informu pri via partopreno: VI. Eötvös utca 3.

En la Landa Ekspozicio por Infanoj en *Budapest* estas tabuletoj pri rezultatoj de la Ĝeneva Esperanto-pedagogia Konferenco.

Grandan sensacion vekis en Budapest junulo, kiu prezentis sin ĉe filmfabriko, kvazaŭ li parolus nur Esperanton. Li montris fantazian leteron de sia laŭdira flegopatro, en kiu tiu skribas hungare, ke li por stranga deziro de jam mortinta patro de la filo edukis lin sekrete nur en Esperanto. Oni kondukis la junulon al la policejo, kie polica kapitano kaj alvokita esperantisto Laquer provis ekscii ion. Komence la junulo flue, konstante parolis nur esperante, sed la sekvantan tagon per lertaj demandoj oni eksciis, ke li parolas ankaŭ hungare. Grafologo pruvis, ke la laŭdiran flegopatran leteron la junulo mem skribis kaj fine oni eksciis, ke li estas Budapesta tajlorhelpanto, havas gepatrojn en Budapest kaj esperis per sia fabelo akiri postenon en filmfabriko. Kelkaj ĵurnaloj publikigis longajn raportojn pri tiu vera kinematografa okazintaĵo.

## Italio.

*Padova.* Okaze de Va Internacia Specimena Foiro lokaj esperantaj organizaĵoj aranĝis kiel dum la pasintaj jaroj budon en la Foirejo. La 10an de junio vizitis la Foiron Lia Reĝa Moŝto V. Emanuele III., kiu haltis ĉe la budo kaj petis informojn pri la uzado de Esperanto ĉe la Foiroj al la deĵoranta S-ro G. Saggiori, del. de UEA kaj direktoro de Veneta Instituto de Esperanto, aranĝinto de la elmontro; fine li gratulis pro la jam atingitaj sukcesoj de Esperanto en ĉefaj internaciaj komercaj organizaĵoj.

## Ruslando.

La 19 julio okazis en Moskva la 1a Kongreso de S. E. U. kiu baziĝas tute sur sovjetismo.

En la Universitato de Kazanj S-ro U. Obrazcov faras kurson al 50 lernantoj (85% tataroj) pere de la Kursa Lernolibro de D-ro Privat. En farmacia lernejo 30 gelernantoj sekvas kurson de S-ro A. Kaznaĉeev.

## Ameriko.

Brazila Ligo Esperantista ricevis de la Internacia Ekspozicio de Rio de Janeiro *oran medalon* pro sia bonega elmontro de esperantaĵoj.

La 16a jara Kongreso de la Esperanta Asocio de Norda Ameriko okazis la 11—14 julio en Union Hill (New Jersey). Oni organizis ekspozicion de esperantaĵoj kaj, eble la unuan fojon en esperanta kongreso, oni instalis aparaton por ricevi radio-paroladojn.

La 11an okazis la malferma kunveno sub prezido de S-ro Bardorf. Krom diversaj administraj kaj propagandaj aferoj S-ro Stephens el Arden, Delaware parolis pri la movado pri impostado laŭ tervaloro (presaĵo esperanta estas ricevebla 11, Tothill Street, London S. W. I) kaj oni legis salutleteron de D-ro Edm. Privat. Oni raportis, ke dum la jaro radio-komunikoj estis faritaj en Esperanto de S-roj Allan Davis (Washington), H. W. Hetzel (Philadelphia), D-ro D. O. S. Lowell (Medford), A. Reynolds (Atlanta) kaj J. D. Sayers (New York); tiu lasta S-ro skribis multajn artikolojn en radio-gazetoj. La Kongreso aŭdis radio-paroladon de D-ro Lowell, el la Newark stacio; lia voĉo estis klara kaj neniu vorto perdiĝis.

La 12an D-ro F. C. Cottrell el Washington faris longan paroladon kaj rakontis interesajn faktojn pri la neceso de internacia lingvo en mondaj konferencoj. Sekvis interesa diskuto pri la instruo de Esperanto en lernejoj.

La 13an oni ĉefe diskutis pri la gazeto „Amerika Esperantisto“.

La 14an la Kongreso decidis doni jaran salajron de 1200 dolaroj al la sekretariino de la Asocio, kaj elektis jenan

komitaton: P: S-ro Charles F. Bardorf, Montreal, VD: S-ro J. J. Sussmuth, Union Hill, K: S-ro B. Pickmann Mann, Washington, S: F-ino E. J. Meriam, Boston, Help-S: F-ino Jennie R. Goldings, Boston.

Inter aliaj decidoj la Kongreso esprimis, ke ĝi rekonas la gravajn klopodojn faritajn de UEA por la daŭra sukceso de la movado. Ĝi petas de siaj membroj koran helpon al tiu organizaĵo kaj speciale rekomendas la klopodojn faritajn por malgrandigi la deficiton de UEA. Alia deziresprimo konstatas, ke la disvastiĝo de senfadena telefonio donas fortan argumenton por Esperanto, kiun ni devas prezenti kun la radio-oficejoj al la ĉiam kreskanta membro de radio-entuziasmuloj. La Kongreso dankas la radio-aŭtoritatojn kiuj donis multajn facilaĵojn por senfadene disvastigi niajn ideojn.

Festeno okazinta en la Castle Inn, Columbia Park fermis la Kongreson.

UEA tre dankas la Kongreson pri la favora deziresprimo kaj esperas, ke ĝi havos kiel rezulton, ke multaj aliĝoj el Ameriko kompensos la nesufiĉecon de kotizaĵoj ricevataj en malbonvalutaj monoj el Centra Eŭropo.

## Aŭstralio.

La kvara aŭstralia kongreso okazis dum lasta Pasko en Sydney. Pro la malproksimeco de Aŭstralio kaj la manko de loko en lastaj numeroj ni povas raporti nur hodiaŭ pri ĝi. La 31an de marto la kongresanoj vizitis la Zoologian Ĝardenon, kaj la morgaŭon la botanikan ĝardenon. Ekskurso en la haveno okazis la 2an de aprilo kaj la kongreso mem okazis la 3an kaj 4an. D-ro Scott-Fletcher, estro de la Wesley College malfermis la kunvenon per parolado pri internacia lingvo kaj Esperanto. S-ro C. W. Ballard el Melbourne estis elektita kiel prezidanto de la Kongreso. Koncerto kun teatra prezentado „La Ĉefservisto“ kaj akcepto de la urbestro (Alderman Gilpin) en la Urba domo okazis post la laboraj kunvenoj. La gazetoj favore kaj ofte tre amuze raportis pri la Kongreso.

## Azio.

En *Harbin* (Manĝurio) okazis ekspozicio, okaze de la 25-jara ekzisto de la Ĉin-Orienta Fervojo. La esperanta grupo organizis fakon pri nia lingvo.

Ni ricevis ĝis nun neniun novaĵon pri la sorto de niaj japanaj samideanoj post la terura tertremo okazinta en Tokio kaj Jokohama. Ni donos informojn tuj post ricevo de novaĵoj.

„The Views & Reviews of Japan“ (eldonistoj: T. Minami & Sons Ltd. 19, Sakurada-Kubocko, Tokio-Shiba) bela ilustrita gazeto pri Japanio, enhavas du paĝojn esperantajn verkitajn ĉiumonate de pastro I. Seriŝev. (Ni ne ankoraŭ ricevis specimenon. Red.)

---



# LINGVAJ STUDOJ

## Pri naci-esperantaj vortaroj.

Mi tute konsentas kun la verkinto de artikolo en unu el la lastaj numeroj de „Esperanto“, ke estus tre utile montri sur kiun silabon de ĉiu nacia vorto la akcento falas. Mi volas ankaŭ montri alian plibonigon rilate al la lernado de fremdaj lingvoj per Esperanto.

Mi estas anglo lernanta la svedan lingvon kaj en kelkaj kazoj mi trovas, ke la aŭtoro de la sveda-esperanta vortaro tradukas la svedan vorton nur per esperanta vorto netrovebla en la vortaroj de Kabe, Verax kaj Millidge; ekz. schaka, ĉako; schalottenlök, askaloniko; shirting, ŝirtingo; sik, koregono. Nu, mi ne proponas, ke oni ne uzu tiajn vortojn, sed mi proponas, ke oni aldonu mallongan signifon de la vorto en Esperanto. La profito el tio estus duobla. Unue, ĝi helpus alilandulojn kompreni la nacian lingvon; due, ĝi evitigus, ke enlandulo uzus esperantajn vortojn nekompreneblajn al alilandaj esperantistoj.

*J. W. Hipsley.*

* * *

## Karbunkolo, Karbunklo.

En la aprila Bulteno de la Internacia Laboroficejo oni traktas pri la mortiga malsano *Karbunkolo.* Laŭ esperanta-pola vortaro (dua parto) de Antoni Grabovski, *Karbunkolo* estas granda rubeno aŭ grenato; unuvorte ĝi estas mineralo. La malsano nomita pole *Karbunkul* estas nomata en la vortaro de A. Grabovski *Karbunklo.* Laŭ enciklopedia vortareto de Ch. Verax *Karbunklo* estas malsano. Kiu vorto estas ĝusta?

*St. Sudelik (Koluszki).*

(Noto de la Red.) — La malsano (fr. charbon, a. carbuncle, g. Karbunkel, i. carbonchio, hisp. carbunco) estas notata *Karbunkolo* en la „Dictionnaire Complet Français-Esperanto“ de E. Grosjean-Maupin, kaj estis uzita en tiu senco de Zamenhof.

Post la rimarko de S-ro St. Sudelik ni konstatis, ke la juvela ŝtono (fr. escarboucle, a. red garnet, g. Karfunkel, i. carbonchio, hisp. carbunco) estas same nomita *karbunkolo* en la sama vortaro.

Ni konkludas, ke niaj vortaristoj devos iam entrepreni la vastan sed necesan kontrolon de la konformeco inter la naciaj vortaroj.

* * *

## Pri apostrofo.

Lastatempe oni vidas, precipe en novaperintaj esperantaj revuoj, tre ofte apostrofigitan artikolon. Laŭ la Zamenhofa uzado kaj la ekzemplo de klasikaj esperantistoj la apostrofo, krom en poezio, estas uzebla nur post prepozicio finiĝanta per vokalo kaj staranta antaŭ la artikolo, ekzemple: de l' mondo, je l' tago, tra l' muro.

Bonaj aŭtoroj ĝenerale nur post „de“ uzas apostrofigitan artikolon. Tute sendependa la artikolo estas de la vorto, kiu ĝin sekvas. La apostrofo en Esperanto havas tute alian karakteron ol la apostrofo en la lingvoj franca kaj itala, kie oni apostrofigas la artikolon *antaŭ* vokalo.

Pro tio formoj kiaj: „l' animo“, „l' urbano“ kaj similaj, estas tute eraraj kaj evitindaj. Krom tio, ke ili kontraŭas la fundamenton de nia lingvo, ili en la *parolata* lingvo estas tute ne-

klaraj. Cetere, eĉ en la permesitaj okazoj estas bone, ne troe uzi la apostrofon; ĉar la unua postulo por internacia lingvo estas tuja kompreneblecо kaj klareco, kaj neniu povas nei, ke la apostrofigita artikolo, speciale por novlernintoj, multe malfaciligas la komprenon de aŭdata frazo.

Ne temas ĉi tie pri poezio. Cetere: la apostrofigita finiĝo de la substantivo (o) en poeziaĵoj aŭ simplaj rimaĵoj (plej multaj „poemoj“ en Esperantujo ja estas nur rimaĵoj) tute ne malfaciligas la komprenon laŭ sama grado, kiel apostrofigita artikolo antaŭ vokalo. Por traduki versojn laŭ nacilingva ritmo kaj ankaŭ por krei en Esperanto versojn kun agrabla ritmo, oni nepre bezonas la helpon de la apostrofo. Sed verkantoj memoru, ke la apostrofo estas aplikebla nur por la artikolo kaj por la substantiva finiĝo „o“. Akuzativofiniĝo (-on) tute ne estas anstataŭigebla per apostrofo.

*Oscar Bünemann.*

* * *

La parola sperto en niaj Kongresoj montras, ke forigo de finiĝo (-o) tre malhelpas la komprenon de laŭte legataj aŭ deklamataj versaĵoj.

---

# Esperantista Literatura Asocio.

*Oktobra raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos.

La du fakkunsidoj, anoncitaj en nia julia raporto, ne okazis dum la 15ª kongreso en Nürnberg, ĉar nek la prezidantino, nek la vicprezidantino povis ĉeesti. Domaĝe! Ni tre deziris personan konatiĝon inter la kolegaro, ankaŭ diskutado pri nia laboro ĉiam estas utila. Ni do daŭrigu la skriban vojon kaj ni interrilatu per leteroj kaj per niaj raportoj. Dum la Nürnberga kongreso oni vidis kun surprizo, kiom da libroj aperis en la lasta tempo, bona atesto pri nia kreskanta movado.

Multaj bonaj gazetoj estas alsenditaj, ili montras la veran internacian stilon de nia lingvo. Redaktoroj kaj kunlaborantoj havas ĉiam antaŭ la okuloj la legantaron en la tuta mondo, ili estas devigataj eviti naciismojn. Ankaŭ laŭ filologia, lingvista vidpunkto la gazetoj estas tre gravaj. Per legado de multaj el ili oni povas kontentige sekvi la lingvan evoluon de Esperanto ĝenerale. Krom tio la gazetoj donas al ni tiun belan senton de spirita kunligeco kun la tuta mondo: vera refreŝigo kaj konsolo en tiu ĉi malĝojiga tempo.

Margarethe Iv. Krestanoff tradukas la teatraĵon „Stella“ de Goethe el la germana lingvo.

Novaj tradukaĵoj de Iv. Krestanoff: „Dekdu rakontoj“ de Ivan Vazov. „La dezertigita paradizo“ de Nenĉo Iliev, prediko pri nova societo, baziĝanta sur paco, amo kaj frateco inter la homoj.

S-ino Wecker kaj F-ino Eckert tradukis „Kristnaskfabelojn“ de F. W. Helle.

S-ro Curt Lee estas tradukanta el germana lingvo: „Turandot“, fabelo laŭ Gozzi de Schiller. Li volas aniĝi.

La Verkista Grupo „E. K.“ en Odessa (Rusujo, Kazarmenij 7 loĝ. Rublev) komune tradukis: N. Gogol: „Malvivaj animoj“. Estas certe tre dezirinde, ke tiu ĉi grava verko aperu esperante. Sed E. L. A. tute ne povas sin okupi pri eldonado. Estas ĉiam la tasko de l' verkisto, serĉi eldoniston. Ni tamen atentigas la eldonistojn en la tuta mondo pri la „Verkista Grupo“, kiu malgraŭ ĉiuj malhelpaĵoj fervore kaj diligente laboras por Esperanto. Ĝiaj anoj grandparte apartenas al la Rusa Sekcio de E. L. A. Ĉar al la „E. K.“ treege mankas esperantaj libroj, ĝi dankege akceptos por sia biblioteko ĉiujn ajn esp. eldonaĵojn.

La Esperantista Literatura Asocio havis kvazaŭ libertempon, la kolegoj kongresadis aŭ vagadis en arbaroj kaj kampoj. Multaj kongresintoj skribis simpatiajn salutojn el Nürnberg, S-ro Reisinger tien sendis entuziasmajn vortojn por saluti la kolegaron. E. L. A. esprimas sinceran dankon. Nia laboro nun pli malfaciliĝas pro la altega poŝttarifo en Germanujo. Pli ol unu fojon ni pro tio petis kolegon, ke li senpere resendu kontrolitan manuskripton al la aŭtoro. Pli bone estus, ke la manuskripto ĉiam revenu al la administrejo, por ke dua kolego ekzamenu la proponitajn ŝanĝojn. Sed ĉi tio nun ne estas farebla, la poŝtelspezoj bankrotigus nian kason. Ni do konsilas, ke la verkinto priparolu la proponitajn de ni ŝanĝojn kun kompetanta samideano en sia urbo aŭ lando; ambaŭ trovos la ĝustan vojon kaj la verko povos aperi kun la cito: Rek. de E. L. A.

El gazetoj, senditaj al E. L. A., ni citas kun plezuro la jenajn aperaĵojn: „Marto“ (20ª julio) enhavas bonegan versaĵon de J. Reisinger „Fulmotondro“. En „Litova Stelo“, IIª jaro, 8ª numero, aperis „La demonoj“, trad. de P. Medem, tre emocia resumo el la fama samtitola romano de Dostojevski. Paŭlo Medem, bone konata per la ĉarma novelo „Fraŭlino Suzano“, per la reeldono de l' ekzercaro kaj per aliaj verkoj, pliriĉigis nian literaturon per la reeldono de la dramo: „La Reĝo Judea“. Nia asocio estas tre fiera pro la apero de tiu ĉi grava, vere klasika verko.

Samrajte ni citas tie ĉi la verkon „Litova Almanako“. Ĝin kompilis nia kolego Maĉernis. Pro troa modesteco li ne metis sian nomon sur la titolon. Al ĉiuj eldonejoj, kiuj sendis librojn kaj gazetojn ni sincere dankas, ni ĉiun sendaĵon uzas por la disvastigo kaj gloro de nia esperantista evoluo.

Aliĝis: S-ro O. Striedter (pastro), Erglos, Latvujo; F-ino Hildegard Nickel, Potsdam, Blücherplatz 2; S-inoj Wecker kaj Eckert, Saaz, Krongasse 153, Bohemio. Kotizon pagis: F-ino F. Simmank, prelato Dombrovski, pastro Seriŝev, S-roj Christanell, Major, Bonnevie, Medem, Maĉernis kaj Jan van Schoor. Per donacoj riĉigis nian kason S-roj v. Medem kaj Maĉernis.

Pri monsendo. La plej profita por ni alsendaĵo ĉiam estas bankbileto (papermono). Ĝi estas pli oportuna ol bankĉeko kaj efektive pro la valutdiferenco la plej taŭga pagilo por nia kaso.

*Marie Hankel*, prezidantino.
*J. Zschepank*, vicprezidantino.

---

## Esperanto kaj Turismo.

∴ La Fervojo Bern — Loetschberg — Sempione en Bern (Svislando) eldonis belegan panoramon de Bernaj Alpoj kun klarigoj en Esperanto. Ĝi estas senpage sendata al ĉiu petanto.

∴ La Fremdula Oficejo de Bad Reichenhall (Germanio) plezure sendos belegan panoramon kun klarigoj en Esperanto al ĉiu kiu ĝin petos.

∴ En Antwerpen (Belgio) eldoniĝis 8-paĝa broŝuro pri belega festo okazinta la 12an, 15an kaj 19an de aŭgusto. Ĝi estis la „Sekvantaro de l' Juveloj“. Multaj ĉaroj riĉe prezentis la historion de la diamanto tra la jarcentoj kaj en ĉiuj landoj. Pli ol dumil statistoj kaj 600 ĉevaloj, azenoj, elefantoj, dromedaroj, bovoj, zebroj partoprenis. Informoj estos donataj de la Delegito de UEA. (Aldoni karton por la respondo.)

∴ En Mechelen (Belgio) aperis belega programo de la famaj sonorilaraj koncertoj de Jef Denijn. Ĝi estas mendebla ĉe Mechelen-Aantrekkelykheden, Mechelen.

# Fakaj Kunsidoj de la XVª Kongreso.

## Katolikoj.

Aliĝis al tiu kongreso 200 personoj. El tiuj ĉi ĉeestis 150 kongresanoj el Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Germanujo, Hungarujo, Nederlando kaj Ukraino. Ĉe la kongreso plue alvenis bondeziroj el Anglujo, Danujo, Francujo, Hungarujo, Italujo kaj Nederlando. La kongreso ricevis la benon de Lia Papa Moŝto el Romo, de la Papa Nuncio el München, kaj de la Ĉefepiskopo el Bamberg, kiu sendis sian reprezentanton.

El la decidoj oni citas: la starigon de oficejo, kie ĉiu nekatoliko, kiu tion deziras, povas senpage laŭ peto ricevi informojn rilate katolik- sciencaj aŭ religiaj aferoj. La adreso de tiu oficejo estas: P-ro Rel. Kons. Becker, Altbusserstrasse 34, Breslau I (Germanujo). Plie oni formis komisionon, kiu prizorgos la tradukon kaj eldonadon de katolikaj verkoj religiaj, sciencaj, sociaj kaj ekonomiaj. Tiu komisiono konsistas el: P-ro Meŝtan, prezidanto, provincialo de la Piaristoj, Krems a. D. (Aŭstrujo), P-ro Bianchini kaj P-ro Lintl. Kun ĝi kunlaboros diversaj eminentaj katolikaj esperantistoj. La kongreso faris ekskurson al Bamberg, kaj havis aŭdiencon ĉe la Ĉefepiskopo.

* * *

## Blinduloj.

Aliĝis 164 kongresanoj el 21 landoj. Ĉeestis 120 personoj el 13 landoj. Okazis 5 Kunsidoj.

Post kvarmane ludata milito-marŝo de Schubert prezentita de F-ino Holzberger kaj S-ro Bunge kaj post komuna kantado de esperantista himno „Espero“ de Nürnberga Blindula Instituto kaj prezidanto direktoro S-ro Wilhelm Reiner de la prepara komitato malfermas la III-an Kongreson per salutparolado, substrekante, ke multajn malfacilaĵojn oni devis forigi sed nun kore salutas ĉiujn ĉeestantojn.

Post elekto de komitato kaj salutoj de delegitoj, kaj lego de telegramo de G-roj Thilander S-ro Kreitz legis raporton de S-ro Hendrickx pri la blindula fako ĉe la Invalidekspozicio en Gent. Pluraj samideanoj raportis pri la movado esperanta inter la blinduloj de sia lando.

Post diskutado oni elektis jenan estraron de la Universala Asocio de Esperantistaj Blinduloj:

Honora Prezidanto: S-ro Theophile Cart [Francio].
Prezidanto: S-ro Jozeph Kreitz [Germanio].
Vic-Prezidanto: F-ino Hermino Gothard [Germanio].
Sekretario: S-ro Inte Ĉaĉe [Latvio].
Vic-Sekretario: F-ino Anna Friman [Finnlando].
Kasisto: S-ro Percy Merrick [Anglio].
Redaktoro: D-ro Miklos Bano [Hungario].
Konsilanta Komitatano: P-ro Stanislav Stejskal [Ĉeĥoslovakio].

La Kongreso decidis peti la Internacian Blindul-Informejon kaj Statistikejon sendi al ĉiulandaj naciaj Esperanto Blindul-konsuloj alvokon turni sin al estroj de lokaj Blindul-Institutoj por enkonduki Esperanto en ĉiuj Blindul-lernejoj ĝis la kvara klaso.

Oni elektis estraron de komisiono de blindaj muzikistoj esperantistaj.

S-ro Kreitz legis la raporton de S-ro Harralg Thilander pri la unueco de muzikskribsistemo.

F-ino Terezie Rackova parolis interesan kaj instruan raporton pri harmonia kaj feliĉa edziĝa kunvivo de blinduloj.

S-ro Adolf Selten raportis pri Blindul-Instituto kaj Esperanto.

F-ino Anna Friman raportis pri kolektado de la diversaj esperantaĵoj kaj sciigoj rilatantaj blindulojn.

S-ro Ignats Krieger proponis kolektadi diversajn blindulaĵojn inter diverslandaj blinduloj.

S-ro Percy Merrick sciigis, ke en Anglio jam ekzistas katalogo de blindulorganizaĵoj kaj eldonaĵoj.

S-ro Kurt Filss raportis pri internacia blindul-biblioteko en Leipzig.

S-ro Nebesky raportis pri brospreparado de blinduloj.

S-ro Krieger raportis pri studado de fremdaj lingvoj.

P-ro Stanislav Stejskal proponis eldoni esperantlingvan alvokon al Estroj de la Blindul-Institutoj kun demando: ĉu laŭ institutaj statutoj estas permesata al blinduloj lernado de fremdaj lingvoj kaj sendi ĝin [la alvokon] al naciaj Esperanto Blindul-konsuloj por plenumado.

S-ro Krieger referis pri „solvita problemo“: „Blinduloj kaj industrio“.

S-ro H. Gothard legis sian interesan raporton pri hundoj-blindulgvidantoj kaj ilia dresado.

S-ro Kreitz legis proponon de S-ro Krieger, Wien pri bezono de studo de fremdaj lingvoj inter blinduloj.

P-ro Stejskal klarigis la proponon, substrekante la malfacilaĵojn, kiuj povas naskiĝi de miksado de diversnaciaj literoj.

S-ro Zapater diris, ke en brajla skribaĵo oni povas fremdajn literojn fiksi kun apude skribitaj reliefaj latinaj literoj.

S-ro Kuchaf Antonin, Ĉeĥoslovakio, raportis pri kompletigo kaj plibonigo de brajla notskriba sistemo.

S-ro Kurt Filss raportis pri Leipziga biblioteko de blinduloj, kiu enhavas interalie 73 ĉefinformejojn.

S-ro Kreitz raportis pri la materialvendejo.

F-ino Melchior sciigis pri vendejoj fonditaj en Danio.

Oni fondis „Internacian Asocion de Metiistoj-Blinduloj“ en kies estraro estis elektitaj:

S-ro Georg Schneider [Germanio];
S-ro Nebesky [Ĉeĥoslovakio];
S-ro Erno Markowitz [Hungario].

Oni decidis anstataŭ multekostajn telegramojn sendi salutleterojn al niaj karaj kunbatalantoj — geedzoj Thilander kaj al honora prezidanto de Universala Asocioj de Esperantistoj-Blinduloj — S-ro Theophile Cart.

Post diskutado pri la aranĝo de estontaj kongresoj P-ro Stejskal legas la statistikon de la III-a:

La III-an kongreson partoprenis:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Germanio . . . | 60 | 50 nevidantaj. | 10 vidantaj. |
| Ĉeĥoslovakio . | 17 | 9 „ | 8 „ |
| Hungario . . . | 16 | 11 „ | 5 „ |
| Finnlando . . . | 9 | 9 „ | 1 „ |
| Anglio . . . . | 4 | 3 „ | 1 „ |
| Aŭstrio . . . . | 3 | 3 „ | — „ |
| Holando . . . . | 3 | 2 „ | 1 „ |
| Svedio . . . . | 3 | 3 „ | — „ |
| Latvio . . . . | 2 | 1 „ | 1 „ |
| Danio . . . . | 1 | 1 „ | — „ |
| Hispano . . . | 1 | 1 „ | — „ |
| Ĉinio (ruso) . . | 1 | 1 „ | — „ |
| Entute: 12 landoj | 120 | 92 nevidantaj. | 27 vidantaj. |

S-ro Kreitz parolis adiaŭan paroladon kaj en la nomo de la III-a dankis al direktoro V. Reiner, P-ro Stejskal, ambaŭ sekretarioj kaj ĉiuj ĉeestantoj.

Vic-Prezidanto P-ro Stejskal dankis la prezidanton de la III-a S-ron Kreitz pro bone venkita malfacila laboro preparante la III-an Kongreson, kiu laboro efektive estas admirinda.

F-ino Bartuŝkova deklamis adiaŭan versaĵon.

D-ro Bano dankis la aranĝintajn la kongreson kaj ĉiujn flegistinojn pro amika zorgado dum la III-a en Nürnberg.

(Ekstrakto el la raporto de S-ro *Inie Ĉaĉe, sekretario*).

# La laborista Kongreso en Kassel.

La esperantistaj laboristoj kaj revolucianoj jam de du jaroj kongresas aparte de la ĝenerala Esperanto-Kongreso. Ĉi tiun jaron ili kongresis en Cassel de la 11ª ĝis la 15ª de aŭgusto. La fama scienculo *A. Einstein* bonvolis morale apogi la celadon de S. A. T., akceptante la honoran prezidecon de tiu kongreso.

Aliĝis 417 personoj el 19 landoj, sed nur 252 povis efektive ĉeesti en Cassel, el kiuj nur 6 francoj. Okazis 5 laborkunsidoj, dum kiuj estis diskutataj la celo de la asocio, ŝanĝoj en la statuto, raportoj de la ĝenerala sekretario, de la redaktoro kaj administranto de „Sennacieca Revuo“, la oficiala organo de S. A. T., de la gvidanto de la Eldonkooperativo k. a.

El tiuj diversaj raportoj evidentiĝis, ke tiu juna organizaĵo senĉese kreskas. Ĝi nun enkalkulas preskaŭ 3500 anojn kaj la gazeto eliras 7000 ekzemplere. La Eldonkooperativo jam aperigis gravajn verkojn, el kiuj ni citu Faŭsto'n de Goethe kaj Eklumo en l' Abismo'n de H. Barbusse.

Estas ankaŭ notinde, ke la eldonantoj de „La Nova Epoko“, aperanta en Moskvo, rezignis eldoni sian revuon, kiu, komence de oktobro kunfandiĝos en „S. R.“'on kiel literatur-scienca aldono.

La debatoj okazis en tute paca atmosfero kaj la raportoj kaj diversaj rezolucioj estis unuanime akceptataj. Laŭ la longa gvidrezolucio kiu resumas la kongresajn laborojn la karaktero de S. A. T. montriĝas jene:

S. A. T. estas *per*-esperanta organizaĵo, celanta praktikajn servojn por niaj membroj; S. A. T. akceptas socialistojn, sindikalistojn, komunistojn, anarkistojn, unuvorte ĉiujn kontraŭulojn de l' nuna kapitalisma reĝimo.

Eĉ la lingva demando estis tuŝata dum tiu kongreso, kaj la rezolucio diras, ke la S. A. T.-anoj devas esti toleremaj rilate lingvajn kaj politikajn demandojn.

Tiu konciza raporto ne povas kompreneble montri la ĝeneralan fizionomion de la IIIª Kongreso de S. A. T. La interesiĝantoj trovos la tutan protokolon en la oktobra numero de „Sennacieca Revuo“.

## Esperanto en Komerco.

∴ La foiroj de Leipzig, Lyon, Wien presigis belajn ilustritajn prospektojn en Esperanto.

∴ La fakgazeto „Le Cuir“ en Paris daŭrigas aperigi la nomojn de la diversaj ledoj kaj fakaj produktaĵoj en Esperanto.

∴ La ekonomia revuo „Jugoslovenska Reklamna Revija“ en Zagreb informas en esperanta artikolo, ke ĝi donas komercajn informojn en Esperanto kaj presas esperantajn reklamojn.

# Tra la Gazetaro.

*Katolika Sento.* Jen la kvara esperanta katolika organo! Ĝin eldonas monate la Rondo „Modesto Carolli“ en Venezia (Italio), S. Luca, Corte Scotti 4568.

*Literatura Mondo* (Budapest VI, Andrássy-ut. 81). Jen gazeto kiun ĉiu ŝatanto de literaturo, arto kaj muziko nepre devas helpi. Ĝi donas al la esperanta movado fakan revuon pli belan ol multaj nacilingvaj beletristikaj organoj. Ĉiu numero enhavas internacian enhavon, reproduktaĵojn de pentraĵoj, kantojn kaj muzikaĵojn. Oni povas nur kritiki, ke la bildoj kaj tekstoj ne rilatas. Ekzistas tamen esperantistoj kiuj povus verki tekstojn rilatajn je la disponeblaj kliŝaĵoj. Ekzemple la portreto de Verlaine pentrita de Carrière, la fraŭlineto de Whistler, la ilustraĵoj de la „Rubayat de Omar Khayam“ kaj de la „Vojaĝoj de Gulliver“ de Swift, ĉiuj tiuj interesaj ilustraĵoj estus povintaj naskigi esperantan artikolon, ĉu pri la pentrita famulo, ĉu pri la pentristo mem, aŭ citon el la verkoj, cetere jam tradukitaj parte en Esperanto.

Ni tre rekomendas al la esperantistoj kiuj ne ankoraŭ vidis „Literaturan Mondon“, ke ili venigu ekzempleron de tiu luksa revuo (0,80 sv. fr. aŭ egalvaloro).

*Esperanto* (Banjoewangi, Java). Tiu bulteno en nederlanda lingvo redaktata de S-ro A. Knegt enhavas gramatiketon en malaja lingvo, redaktitan de enlandulo S-ro Wirijosaksono.

*Esperanto Teozofia* (Praha II). Tiu revuo aperas nun sub nova bindaĵo ilustrita.

*Norvega Esperantisto* reaperis post 8-jara silento. Ĝi enhavas 8 paĝojn plej parte nacilingvajn.

*L' Interligo de l' P.T.T.* (P. Filliâtre, 54, rue Custine, Paris 18) estas unu el la plej interesaj kaj bone redaktitaj fakaj gazetoj. Ĉiu poŝtisto, telegrafisto kaj telefonisto devas ĝin koni.

# Esperantista Parolejo.

### Pri esprimo: „helpa lingvo“.

Multaj holandanoj ne komencas lerni „helpan lingvon“ opiniante, ke ĝi nur estas ilo por studi la modernajn lingvojn, kiujn ili ĝenerale jam lernis. La publiko konfuzas la holandajn verbojn „helpen“ (helpi) kaj „behelpen“ (penplene sinhelpeti), kiel mi spertas ofte.

La esprimo „helpa lingvo“ tre malhelpas nian movadon; ankaŭ mi certe estus komencinta la studadon antaŭ 15 jaroj, se tiam mi estus leginta pri „lingvo internacia“, kiel diris D-ro Zamenhof en sia antaŭparolo de la Fundamento. *J. R.*

* * *

## Stampigo de japanaj respondkuponoj.

Mi tre bedaŭris ricevi respondkuponojn resenditajn de eksterlando kun la informo, ke ili ne plu estas valoraj ĉar tro malnovaj. Fakte ili ne estas malnovaj kaj ekzistas erarkompreno pri la datstampo.

La resenditaj respondkuponoj portas stampon: 12. 4. 14. Japana poŝta stampo havas unue jaron, due monaton kaj fine tagon. Sekve dato 12. 4. 14 signifas 14an IV. 12. Cifero 12 montras nombron de jaroj kalkulatajn de tiam kiam nuna japana imperiestro kroniĝis en 1912.

Se vi dubus pri tio, volu rigardi stampon sur tiu ĉi koverto. Vi ektrovos, ke fina cifero estas pli ol 23 (1923) ĉar ĝi estas tagdato. (La letero estas datita de la 25a de julio.)

Bonvolu atentigi la eŭropajn poŝtoficistojn pri tiu stampmodo japana por eviti nepagon kaj resendon de respondkuponoj al japanaj korespondantoj. *Eizo Saito* (Kioto).

Noto de la Red. — Ni kontrolis kaj rimarkis, ke fakte la leteroj el Japanio surhavas stampon laŭ japana jarkalkulo sed ankaŭ stampon laŭ gregoria kalendaro. Necesus, ke tiu ĉi lasta aperu ankaŭ sur la japanaj respondkuponoj por eviti rifuzon de pago eksterlande, ĉar malmultaj poŝtoficistoj konas la japanan datstampigon.

* * *

## Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de delegitoj.*

S-ro *Karl Bartel* el Graz (Aŭstrio), kiu en julio kun aŭstriaj infanoj vojaĝis tra Italio kaj Francio al Hispanio, kaj revenis sur la sama vojo kun infanoj kaj karavano de hispanaj samideanoj al Graz, dankas la Del. de UEA, kiuj laŭ lia peto helpis lin dum ambaŭ vojaĝoj, precipe al S-roj Beck, delegito, Isnard, vic-del., F-inoj Roksano kaj Veuve en Marseille, kaj S-ro Fr. Mañez, del. en Cheste (Hispanio) pro iliaj valoraj servoj.

S-ro *D. Starckij* el Nalĉik (Kaŭkazo) kore dankas S-rojn A. Hoffmeister, del. en Hamburg, E. Himmelstoss, H. Thörner, kaj precipe G-rojn E. A. Siekmann, del. en Osnabrück pro iliaj neforgeseblaj servoj dum vojaĝo.

S-ro *Gustave Malot* el Sens kore dankas S-inon Schoofs pri la donitaj informoj pri la vizito de Antwerpen.

*Dektri samideanoj* el Panevežys (Litovio) kore dankas S-ron A. Pohle, ĉefpolicisto en Dresden pro lia helpo kaj agrabligo de la restado dum reveno el la XVa Kongreso.

Ge-roj *Magahy* kaj la familio *Applebaum* tutkore dankas al delegitoj Hendrik Verschoof el Hoek van Holland kaj Paul Richter el Garmisch-Partenkirchen pro afablaj servoj kaj gastameco dum antaŭ- kaj postaj vojaĝoj al kongreso en Nürnberg.

S-ro *Hansen,* Holbaek (Danio) kore dankas la delegitojn S-roj Petzold, Oschersleben; Eisenring Buchs; Piatti, Milano; Tellini, Bologna; Stallinger, Zell am See, krom S-ro Bayer, Saalfelden pro afablega helpo dum vojaĝo.

S-ino *Hrbáčková* el Zlín (Ĉeĥ.) tutkore dankas al sekvantaj sinjoroj, kiuj helpis ŝin dum vojaĝo: S-roj Hell en Cheb, P-ro D-ro Ledermann, Hönigsberger, Schramm en Nürnberg, S-ro Gervois kaj P-ro Allen en Paris kaj ŝiaj hispanaj konatuloj. Sciante nur Esperanton ŝi pasigis preskaŭ tri belegajn, agrablajn semajnojn eksterlande.

*„La Compagnie Belge de Négoce“*, Antwerpen multe dankas S-ron Arne Arnessen, Bankrevizoro, Böndernes Bank, delegito de UEA en Kristiania, pro tre gravaj komercaj informoj afable donitaj de li.

La varmajn salutojn senditajn de multaj amikoj el Nürnberg je mia adreso, mi plenkore kaj danke akceptas kiel reprezentanto de ruslandaj anoj de UEA, kondamnitaj je kontraŭvola pasiveco, malgraŭ sia arda deziro partopreni la komunan laboron, por triumfigi la homaranajn idealojn. Ni firme kredas, ke la spiritaj potencoj baldaŭ ekradios super la materialisma interbaraktado kaj alportos pacon kaj benon al la elturmentita homaro, vekante inter la homoj la senton de reciproka estimo kaj la konscion pri ĉies fundamentaj individuaj rajtoj: libereco, sendependeco, netuŝebleco. *S. Szabunievicz.*

# Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** — Al Ge-roj *Théodore Audisio,* del. en Antibes naskiĝis filo, nomita Jacques.

— Al Ge-roj *Raymond Evrot* en Annecy (Francio) naskiĝis filino, nomita Lucienne.

— Al Ge-roj *Josef Kunert,* del. en Troppaŭ (Ĉeĥoslovakio) naskiĝis filino, nomita Edeltrud.

— Al Ge-roj *Kudelász,* delegito en Satu-Mare (Rumanio) naskiĝis filino, nomita Györgyike.

**Edziĝoj.** — S-ro *D. V. Tabakov* el Gabrovo (Bulgario) kun F-ino *Nadejda Hristiva.*

— D-ro *Stan. Kamaryt* el Bratislava kun F-ino *Zdenka Vackovà.*

— F-ino *Paulette Marly* el Bordeaux kun S-ro *Roger Haack.*

— S-ro *Oldřich Poláček* kaj F-ino *Marie Mrázová* en Praha (Ĉeĥoslovakio).

— F-ino *Irene Báji* kun S-ro *Jozef Munka* en Novi Sad (Jugoslavio).

# Niaj mortintoj.

**C. A. Etzerodt** el Aarhus (Danio) mortis 65 jaraĝa post dutaga kormalsano. Li estis de 1910 estrarmembro de la Konversacia Esperanto-Klubo en Aarhus; senlace li ĉiam propagandis kaj per ĉiuj fortoj subtenis nian aferon.

S-ro C. A. Hvorslev faris paroladon ĉe la tombejo en la nomo de la Esperantistaro. La klubo deponis belan florkronon kun verdaj rubandoj sur lian ĉerkon.

**Paul Theodor Kempe** el Radebeul mortis 52-jara post longa malsano.

Li estis unu el la unuaj pioniroj de Esperanto en Radebeul kaj antaŭ la milito fervora delegito de UEA.

F-ino **Ludmila Mader,** ŝatata kaj sindona esperantistino el Petrograd mortis subite 26-jara pro ftizo. Tute ne atentante malsaton kaj malvarmon ŝi propagandis nian aferon ankaŭ dum plej mizeraj tempoj. En 1921 ŝi energie laboris por la organizo de la IIIa Tutruslanda Kongreso Esperantista.

Subleŭtenanto **Georgi Trajĉev** el Kjustendil estis mortigita en Sofia pro politikaj kaŭzoj. Li estis vigla propagandisto de Esperanto kaj ĉie kie li restadis li naskigis esperantan movadon.

F-ino **Ada Kate Vacher** mortis post trisemajna malsano. Ŝi estis la animo de la grupo de Kensington-on-Thames.

**Mate Tomoviĉ,** filo de nia samideano Luka Tomoviĉ en Janjina, Dalmacio.

**Rev. J. Ashby** el Southport (Anglio) mortis en novembro 1922.

**Ernesto Packh,** membro de UEA en Lupeni (Transilvanio, Rumanio).

# AMUZO KAJ ŜERCO

Verkis: *Alessandro Mazzolini,* Firenze (Ital.).

14.

**Verko de sviso.**

La unua inklinon montras; la dua objekton kiu uzata estas por plenumi agon; la tutaĵo titolo de romano estas, verkita de svisa supera, fama filozofo.

15.

**Tri urboj.**

Ag' de benanto, kien oni puŝis literon; satelit', kien oni puŝis parton de cervo; renversita radiko de vorto signifanta agon, rimedon por atingi celon ne rimarkite de aliaj, kun vort' konsistanta el substantivigo de sufiks' signifanta „fari ion ia", jen nun al vi tri urboj de nacio fama pro multaj kialoj, kies la plej ŝatindaj estas tiuj ĉi: ĝia amego al la libereco, ĝia amego al sendependeco.

16.

**El kleruledziĝo.**

Iama franca romanisto foje edziĝis kun la filin' lasta de kleriga famili', kaj tuj naskiĝis el edziĝo tiu urbo kiu inter kontinentoj du, kaj inter maroj du jen kuŝanta.

17.

**Meĥanikaĵo.**

Estas patrin' havanta kvin filojn; kiel ŝi meze de ŝi ekvidigas al ni aparaton aŭ ilon faciligantan kaj eĉ anstataŭantan la laboron de tiu ĵus dirita patrino?

18.

**De Mezur' al Radiko.**

Kun A ĝi montras kvanton, mezuron;
kun E posedon, komencan punkton,
kaŭzon, aŭtoron de ag', kvaliton;
kun I' neniu superas ĝin;
kun O konkludas;
kun U radiko de la duoblo sia ĝi estas.

19.

**Historia terpinto.**

I. Radik' de vorto signifanta agon de iu atinganta per objekto ĵetita ion, iun.

II. De vegetaĵ' sensema kreskanta en la akvo la radik' jen de l' nomo.

III. Cent da kvadrataj metroj. — La tutaĵ' estas nomo de hispana terpinto apud kiu tre fama admiral' de Anglujo venkis la kunigitajn ŝiparojn de Hispan' kaj de Franclando sian venkon pagante per la vivo.

*Solvoj en la proksima numero.*

## Solvoj.

1. Pi-oni-ro.
2. Ka-ron-to.
3. Dia-demo.
4. Ber-li-no.
5. Oce-ano.
6. Po-eto.
7. Ost-en-do.
8. Tu-ni-so.
9. Kat-ega-to.
10. G-astronomio.
11. Si-amo.
12. E-vere-sto.
13. Zeus — Suez.

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 87.**
*R. Svoboda*, Praha.
(Originalo).



Blanko matas per la **2-a** movo.

**Problemo N-ro 88.**
*W. Chmellarz*, Teplitz-Schönau.
(Originalo).



Sinmatigo per la **3-a** movo.

**Problemo N-ro 89.**
*J. Iversen.*
(Reproduktaĵo).



Blanko matas per la **3-a** movo.

**Problemo N-ro 90.**
*D-ro O. Blumenthal*, Berlin.
(Bohemia 1902).



Blanko matas per la **3-a** movo.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 80: S. Frantz, Paris; 79, 80, 81 W. Chmellarz, Teplitz-Schönau; O. Poláček, Praha.

*Solvoj de la problemoj:*

**N-ro 83:** 1. Db4, d4—d3, 2. f3—f3 mato.
Rf4, 2. Dd6 „
K laŭvole, 2. Db8 „
f×e6, 2. Ĉfg6 „
f7—f6, 2. Kc7 „
f7—f5, 2. Ĉhg6 „

**N-ro 84:** 1. Ta6, b×T, 2. b6—b7 „
K laŭvole, 2. T×a7 „

**N-ro 85:** 1. Ke4, f×e4, 2. Rb6, R×b4, 3. T×e4 mato.
e3, 3. b5 „
Rb5, 2. Kb7, R a4, 3. Kc6 „
R×b4, 2. Kc6, R a5, 3. Ta4 „
R c5, 3. b4 „

**N-ro 86:** 1. Tg8, f5, 2. Kf6, f4, 3. Kd1+, f3, 4. Tf8, Rg6, 5. Dd3+, Rh5, 6. T×d7, K×d7+, 7. Df5, K×f5 mato.

*Korespondo:* S-ro Kurt Spiegel, Chemnitz. Esperanta lernolibro pri ŝako ankoraŭ ne ekzistas. Konatiĝi kun ŝako vi povas tre facile pere de lernolibroj, de kiuj tre bonaj estis multe eldonitaj en via gepatra lingvo. La kono de ŝako certe donos al vi okazon por plezura korespondado pri tiu objekto. La fundamentaj esprimoj estas troveblaj en ĉiu vortaro. Ni ankaŭ rekomendas al vi dediĉi la atenton al niaj ŝakkolonoj en la pasintaj gazetnumeroj. — S-ro Ivan Semizorov en Ust-Labinskaja Kub. oblast, Rusio, dezirus ricevi por la tiea esperantista kaj ŝakista rondeto kompletan ŝakludon (figurojn), kiun ne estas eble nuntempe havigi al si tieloke. Li interŝanĝe fordonus esperantajn librojn, da kiuj li, malnova Esp-isto, multe posedas. Oni bonvolu rilatiĝi senpere kun li.

*Fakaj esprimoj: Ludo kun donita cedo* estas nuntempe malofte praktikata ludo, en kiu la pli forta ludanto *cedas figuron* al la malplifortulo antaŭ ol la ludo estas komencita.

# REKLAMO

Nur anoncoj kun *samtempa* pago estas notataj. Ni akceptas la anoncojn laŭ la disponebla loko kaj ne povas garantii la aperon en difinita numero. Ni ne sendas pruvnumerojn kaj rekomendas al la anoncantoj aboni nian gazeton. Ni ne akceptas respondecon pri la sekvoj de anoncoj.

## TARIFO.

### Oficialaj prezoj en svisaj frankoj.

1. **Korespondado:** Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj) Fr. sv. 0.75. — Por ĉiu plia linio (= 10 vortoj) Fr. sv. 0.50. En naciaj prezoj 2/3 de la prezo de unu enskribo.
2. **Petoj kaj Proponoj. — Internacia Komerco:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. sv. 0.50.
3. **Grandaj anoncoj:** Unu kolono-larĝeco Fr. sv. 2.00 po centimetro da alteco.

### Naciaj prezoj por la 3 kategorioj.

**Aŭstrio:** Kr. 2000, 2000, 12500. **Belgio:** Fr. 1.50, 1.—, 4.—. **Britio:** Ŝ. -/6, -/5, 1/6. **Bulgario:** L. 10, 8, 40. **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 2.50, 2.—, 7.50. **Danio:** Kr. 0.75, 0.50, 2.—. **Estonio:** Mk. 20, 15, 50. **Finnlando:** Mk. 5, 4, 12. **Francio:** Fr. 1.50, 1.—, 4.—. **Germanio, Hungario, Polio:** Sv. fr. 0,15, 0,10, 1.—, pagebla en nacia mono laŭ meza taga kurzo. **Hispanio:** Pes. 1.—, 0.75, 2.50. **Jugoslavio:** D. 4, 3, 15. **Italio:** L. 2, 2, 6. **Latvio:** Lat. 0.30, 0.25, 2. **Litovio:** Lit. 0.50, 0.50, 2.—. **Nederlando:** G. 0.35, 0.25, 1.—. **Norvegio:** Kr. 0.80 0.60, 2.—. **Portugalio:** Esk. 2.—, 1.50, 5.—. **Rumanio:** L. 12, 10, 50. **Rusiando:** Sv. fr. 0,30, 0,25, 2.—. **Svedio:** Kr. 0.60, 0.40, 1.50. **Svislando:** vidu oficialajn prezojn. **Usono kaj Kanado:** D. 0.15, 0.10, 0.40.

## KORESPONDADO.

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziris daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Aŭstrio.

**Linz a. D.** — S-ro Rudolf Ulbrich, Tummelplatz 14, PI (bfl), PM, gazetojn ilustr., 16 jara, k. ĉ. l.

**Wien.** — S-ro Stefan Viehauser, Tendberg 3/28, PI, L k. ĉ. l.

### Bulgario.

**Tirnovo.** — S-ro A. M. Pomakov, 22 jara, Vojniŝka ul. 2225, L, PI k. ĉ. l., esp-aĵoj (prefere kun Rus., Angl., Franc., Ameriko).

**Varna.** — S-ro Nikola Dankov, bankoficisto, 20, Zinia 6, PI, L, PM, fot. k. ĉ. l.

### Ĉeĥoslovakio.

**Plzeň.** — S-ro Josef Prokop, Husova trida 68, L, PI k. ĉ. l.

**Praha I.** — S-ro Jára Šmejkal, ul. Karoliny Světlé 14, PI, bfl. k. ĉ. l.

**Praha VI.** — S-ro Villy Linhart, Vratislavova 27, PI, bfl., sportaj gazetoj, PM.

**Příbyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Boža Koudelová, Ronovská ulice, PI k. ĉ. l.

**Příbyslav u Něm. Brodu.** — S-ino Anděla Prošková, L, PK, PI k. ĉ. l.

**Příbyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Manjo Rosendorfská, L, PK, PI k. ĉ. l.

**Příbyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Vlasta Pohořelá, placo 39, L, PK, PI k. ĉ. l.

**Příbyslav u Něm. Brodu.** — F-ino Jarča Rozová, L, PK, PI k. ĉ. l.

### Danzig (Liberŝtato).

**Danzig.** — Leo v. Kiedrowski, Langgarten 81, dezirus ricevi tre bonajn precipe latvajn, litovajn, estonajn, rusajn, ukrajnajn, aŭstriajn PM kaj ĉiajn monerojn. Mi alsendus PM laŭ deziro danzigajn, germanajn, polajn kaj monbiletojn. Sendu ne malpli ol 100!

### Francio.

**Nice.** — S-ro Leblanc, 101, av. de Californie, PK, L (kun orientaj fraŭlinoj).
**Salbris** (Loir-et-Cher). — S-ro Emy, k. ĉ. l. pri semoj kaj kulturoj.

### Finnlando.

**Viipuri.** — S-ro Martti Turunen, studento, Pontusk 1, L pri teatro kaj muziko.

### Germanio.

**Breslau.** — S-ro G. Würkheim, Freiburgerstr. 44, papermono, PM.
**Breslau.** — S-ro J. Rosenbaum, Siebenhufenerstr. 17, papermono, PM.
**Breslau.** — S-ro Walter Geppert, Buddestr. 15, PK, L, prizorgas PM, metal- kaj porcelanmonerojn, monbiletojn ktp.
**Breslau 10.** — S-ro Gerhard Habelick, Schleiermacherstr. 19, papermonon, donas monon, monerojn, PM, esp-aĵojn ktp. Ne akceptas bagatelojn. Anonco ĉiam valora.
**Breslau.** — S-ro Gerhard Langer, Friedrich-Wilhelm-Str. 95, papermonon, PM.
**Breslau 18.** — S-ro Kurt Bujakowski, Gabitzstr. 166, k. ĉ. l. PI, PM, papermono.
**Breslau 18.** — S-ro H. Schmidt, Ahornallee 6, provizoraj flug-PM, glumarkoj, humoraj kartoj.
**Dresden.** — F-ino Erna Jentzsch, Zeithainer Str. 2/II, PI, bfl.
**Dresden-Zschachwitz.** — S-ro Herbert Brader, Simonstr. 11, PI, L k. ĉ. l.
**Elberfeld.** — S-ro Joh. Janssen, Lärchenstr. 51, PI, bfl, PM.
**Frankfurt a. M.** — S-ro C. Hildebrandt, Göringstr. 1, III, PM, rifuzas senvalorajn PM.
**Harburg** (Elbe). — S-ro W. Rusch, Talstr. 4, L (pri okultismo, prefere kun oriento) PI k. ĉ. l.
**Harburg** (Elbe). — S-ro Franz Hieronymus, Bremerstr. 57, PI, L, prefere kun Skand., Rusio, baltaj kaj ekstereŭropaj landoj.
**Harburg** (Elbe). — F-ino G. Ebeling, Gumbrechtstr. 43, L, PI k. ĉ. l.
**Hausbruch** 2 bei Harburg (Elbe). — F-ino H. Maack, L, PI k. ĉ. l.
**Heidenau-Süd.** — S-ro Anton Harant, Carolastr. 6, L, PM k. ĉ. l.
**Heidenau-Süd.** — S-ino Hanni Delling, Carolastr. 8, I, L, PI, PM k. ĉ. l.
**Heidenau-Süd.** — S-ro Willy Röhner, Albertstr. 2, I, L, PI, PM, nur kun bulgaraj, serbaj, turkaj kaj ekstereŭropaj gesamideanoj.
**Heidenau-Nord.** — S-ro Edwin Schöne, telegrafisto, Lüttichaustr. 34, L, PI (pentritaj kartoj) k. ĉ. l.
**Heidenau-Süd.** — S-ro Martin Kecke, PI, bfl, PM, L k. ĉ. l.
**Kötzschenbroda.** — S-ro Plagge, Mathildenstr. 1, L, PM, PI k. ĉ. l.
**Plauen** i. Vogtl. — S-ro Kurt Kripfgans, Antonstr. 29, PI, bfl, PM k. ĉ. l.
**Plauen** i. Vogtl. — S-ro Erich Kripfgans, Antonstr. 29, PI, bfl, PM k. ĉ. l.
**Wurgwitz-Dresden.** — S-ro A. Wolf, komercisto, 5, P, PI, L, PM, monerojn, monbiletojn kun eksterlando.

### Greklando.

**Pireo.** — D-ro Renzo, profesoro, Moutscpaulo 39/41, PM (posedas 60000 duoblaĵojn).

### Hispanio.

**Nerva** (Huelva). — S-ro Gaudencio Vásquez, komercisto, calle Jaime Vera 26, kun komercistoj el ĉiuj landoj dezirantaj importi komercaĵojn en Hispanion.

### Hungario.

**Budapest 7.** — A. Mahler, Péterfy-S. u. 38. Interŝanĝo kun eminentaj filatelistoj ĉl. Donas hungarajn, okupitajn, kompetente garantitajn, mezeŭropajn PM. Kontakto post interkorespondo. Respondafranko dezirata. Listo pri sendeblaj PM. Ne sendas unue. I. referencoj. Koresp. anglo-france, german-itale. Gazetoj anoncrepresontaj kialingve kontraŭ pruvnumero ricevos 150 diversajn, bonajn PM.

### Italio.

**Pisa.** — S-ro Cesare Moschini, Casella Postale 1, PI papermonoj k. ĉ. l.
**Undine.** — F-ino Annita Franz, via Poscolle 55, PI, PM.

### Jugoslavio.

**Novi-Sad.** — S-ro Stefano Klenk, Nemačka ul. 14, PM, PI, bfl k. ĉ. l.

### Latvio.

**Riga.** — S-ro Vilis Šadrov, Krasns-iela 4, L, PI, bfl, pri adventista movado.

### Litovio.

**Lukŝiai.** — S-ro Pranas Žakevičius, Šakiu aps., PI, bfl, PM k. ĉ. l.
**Vilkija.** — S-ro J. Moskovič, PM k. ĉ. l., escepte Germ.
**Vilkija.** — S-ro R. Baublys, PM kun kolonioj.
**Vilkija.** — S-ro V. Miasnik, PM k. ĉ. l., escepte Germ.

### Pollando.

**Bydgoszcz.** — S-ro St. Fethké, Petersona 11, PM, L pri bankaj aferoj.
**Kolomea.** — A. Karatnyckyj, Jahajlonska 40, PI, PM k. ĉ. l.
**Lisów** apud Lubliniec (Supra Silezio). — F-ino A. Kielbowska, L, PI, PK, PM (bazo ĉiuj katalogoj), monbiletoj, moneroj, esp-aĵoj kaj gazetoj.
**Nieswiez.** — F-ino E. Lange, Benedyktynska 3, PM k. ĉ. l. (kun seriozaj filatelistoj).
**Nieswiez.** — S-ro Boris Burakow, Slawkowska 1, PM k. ĉ. l.
**Rowno,** Hoszcza, Symonov. — S-ro Mykola Kalynĉuk, UEA-delegito. PM k. ĉ. l., PI kun ekstereŭropo. PM ne plu ol 200. Respondon mi garantias.

**Rzeszów.** — F-ino Stela Freundlichówna, Zamkova 4, artajn PI, L (kun ĉiulandaj inteligentuloj).
**Rzeszów.** — F-ino Ada Freundlichówna, Zamkova 4, artajn PI kun Grek., Turk., Rus. kaj ekstereŭropo, kolektas fot., monerojn, artaĵojn, naciajn karakterizajn objektojn.

### Rumanio.

**Teluŝ-gara.** — S-ino Elena Toader, kolektas belartajn nudaĵojn, vendas kompletan serion kronad-PM por 7 sv. fr.
**Telus-gara.** — S-ro Josefo Szasz, depou de lokomotiv, PM, L, PI.

### Svislando.

**Lugano.** — S-ro Aloysio Cappello, Dir. de la jurista Societo „La Difesa", via Maghetti 2, PI, PK, PM, esp.-aĵoj kaj fotografaĵoj (sportoj, belartoj, pejzaĝoj ktp.).

### Ameriko.

**Bahia Blanca** (Argentino). — Leŭtenanto Arturo Vilches, calle Thompson 141, PM k. ĉ. l. (ne sendi bagatelojn).
**Toronto** (Kanado). — F-ino Luva Lewis, 66 Sherwood Avenue, PI, L k. ĉ. l.

### Azio.

**Barnaul** (Siberio, Altaja gub.). — S-ro P. Kazanskij, Skola III kominterna, PI kun tipoj, scenoj de popola vivo, natursciencaj objektoj, infanaj problemoj kaj laboraĵoj por instruo de geografio, matematiko, desegno.
**Ikeda-ĉo** (Japanio). — S-ro Ŝogoro Amenomori, c/o Kwaisei-hospital-ikeda Bunin, Osaka-fu, PI, papermonon, naciajn kuriozaĵojn k. ĉ. l.
**Kioto** (Japanio). — S-ro Eizo Saito ĉe S-ro Motoda, Abranokoji-kujo, L, PI, bfl k. ĉ. l.
**Toyama** (Japanio). — S-ro Soiĉiro Iuata, studento, Yakusen, L, PI.

### Oceanio.

**Melbourne** (Aŭstralio). — S-ro Max Smith, 49, Barratt Street, Albert-Park, PM k. ĉ. l.
**Townswille** (Queensland). — S-ro J. Sharples, Flinders Street West, PM tutmonde.

## PETOJ KAJ PROPONOJ.

**Filatelistoj.** Kontraŭ antaŭpago de 1/2 dol., 3 sv. fr., 1.75 fr. fr., 3 norv. kr., 2 sved. kr., 3 pes. hisp., 1.50 pes. arg. mi sendos 100 plejbonajn germanajn PM. G. Langer, Friedrich-Wilhelm-Str. 95, Breslau, Germanio.

---

**Filatelistoj atentu!** Mi vendas 1000 diversajn PM de Germanio, Bavario, maloftaj Württembergaj por 1 sv. fr., 1 floreno, 0.50 dol. Karl Schmauder, Untertürkheim, Mercedesstr. 24, Württemberg (Germanio).

---

**Fraŭlino** scianta almenaŭ germanan kaj francan lingvojn, povos vivi ĉe esperantista hispana bona familio, tute senpage, kondiĉe, ke ŝi instruu je la supredиritaj lingvoj tri geinfanojn. Mi pagus la vojaĝkostojn. Skribu detale al S-ro Francisco Azorin, Arĥitekturisto, calle Claudio Marcelo, Córdoba (Hispanio).

---

**Hektografita** ĉiuspeca teksto zorgeme kaj malkare en kursivaj literoj estas farita de W. Krause, Berlin NO., Friedelberger Str. 1 (Germanio). Ankaŭ sur bona glupapero (afiŝetoj). Specimeno senpage.

---

**Intelektulo,** spiritualisto, ĝenevano, licenciato en literaturo en Montpellier (1920) kaj en Genève (1921), evangelia pastro, 41 jara, serĉas oficon kiel propagandisto populara por Esperanto bazita sur Zamenhofa homaranismo. Skribu al H. Kaufmann, Pension Dupertuis, 12, Bd. James Fazy, Genève. Parolas ankaŭ germane.

---

**Java.** Ricevinte ĉirkaŭ 300 leterojn S-ro Liem Tjong Hie en Semarang, bedaŭrinde ne povos tuj respondi. Bonvolu pacienci. Li klopodos respondi ĝis fino de 1923. Intertempe li dankas kaj petas pardonon.

---

**Kolektantoj.** Sendu 100 aŭ pli elektitajn PM precipe samlandajn kaj laŭ valoro vi ricevos rekomendite bonajn esperantajn pipojn. A. Caire, pipfabrikanto, Poyat 20, St. Claude, Jura Francio.

---

**Kuracistoj kompatemaj.** Malriĉa invalido petegas vian helpon. Kiuj el vi scias rimedon kontraŭ surdiĝo okazinta en la mondmilito. Dankeme atendas viajn konsilojn. I. Friedrichsmann, Soldina tän. 185, Narva, Estonio.

---

**Marmorindustrio.** Mi danke ricevus de fakuloj listojn de nacilingvaj esprimoj kun alilingva aŭ esperanta traduko por aranĝo de esperanta terminaro. R. Richez, 12, Bd. du Théâtre, Genève, Svislando.

---

**Monkolektantoj.** Mi vendas talerojn el aluminio el Germanio kun la malofta surskribo „Konstitucia Tago 11. aŭg. 1921“. Herbert Neugebauer, Sadowastr. 7, Breslau II, Germanio.

---

**Norvegio.** Por propagando inter 60 kursanoj S-ro Ragno Rian en Trondhjem danke ricevus broŝurojn, gazetojn, reklamilojn por disdono.

---

**Ostronier Testamentoj.** Oni aĉetus bonpreze ekzemplerojn en rusa lingvo, Vostokov aŭ faksimilo. Skribu al Hirst, 19 Lion Chambers, Huddersfield (Anglujo).

---

**Papermono.** Sendu al mi diversajn monatestojn el via lando, mi resondos tuj altsuman papermonon el Germanio. A. Seidel, Breslau, Brockauerstr. 7, Germanio. Sendu rekomendite.

---

**Poŝtkartoj** kun regionaj vidaĵoj kaj tipoj. 20 pecoj por 1 fr. sv. (40 oraj kopekoj). Teksto esperanta. Grupo Esperantista, Barnaul, Siberio.

---

**San Francisco.** 48-paĝa gvidlibro kun 8 belaj ilustraĵoj estos sendata kontraŭ respondkupono. Esperanto Association of California, 309-10-11, Chronicle Building, San Francisco, Californio.

---

**Ŝuldoj.** S-ro Boris P. Kavalĝiev, s. Rjahovo (Rusensko), Bulgario, petas siajn ŝuldantojn pagi honeste kaj ne malbonuzi lian kredemon kaj paciencon, alie aperos nomaro de la malhonestuloj en la esperanta gazetaro.

---

**Virinoj.** S-ro Louis Larson, Box 250, Boston, Mass. Usono, dez. kor. pri nuntempa stato de virinoj en Eŭropo, ekonomia, politika, morala, ankaŭ kiel kaj kiom ĝi estis ŝanĝita pro la milito.

## INTERNACIA KOMERCO

**Aŭtomobilistoj.** Vendistoj, reprezentantoj de aŭtomobiloj, vi trovos ĉiuspecajn motorojn ktp. ĉe „Représentations d' Automobiles“, 8, rue Verjus, Suresnes, Francio.

---

**Aŭtomobiloj,** flankĉaretoj, veturiletoj aŭtomobilaj. Sendu ofertojn novaj tipoj 1924 al Stefano Pedrazzini, Locarno, Svislando.

---

**Dezirante** interrilati kun eldonejoj kaj vendejoj de esperantaĵoj, ni petas ke ili sendu al ni siajn katalogojn kaj prezarojn. Viuda e Hijos de Colmena, Avenuo Simón Bolívar 98, Habana, Cuba.

---

**Feloj.** Mi deziras rilati kun fabriko de feloj laboritaj per kromo. Quirino Imeldi, Genova 9, Italio, Casaregis 25 - A.

---

**Gramofonajn** diskojn esperantajn mi aĉetas. Ankaŭ leciondiskojn por lerni Esperanton. Stefano Pedrazzini, Locarno, Svislando.

---

**Konstantinopola Komercservo.** Adreso: W. Zielinski, Galata, Pantelejmonhan, Konstantinopolo. Ĉiuspecaj komercaj aferoj kaj informoj. Eksporto de enlandaj produktaĵoj: lano, kotono, tabako, opiumo, sekaj fruktoj, nuksoj, orientaj frandaĵoj.

---

**Ornamajproduktanto** serĉas komercajn rilatojn kun importistoj kaj vendistoj de Gablonzaj artikloj. Mi liveras ĉiujn artiklojn, prizorgas aĉeton kaj informas senpage pri komerco. Rudolf Lang, Augasse 67, Gablonz a. N., Ĉeĥoslovakio.

---

**Paperfabriko** Franz Kromer, Troppau (Ĉeĥoslovakio), liveras ĉiuspecajn paperojn kaj paperaĵojn plej rapide kaj plej malkare. Petu specimenojn kaj prezojn alsendante modelojn.

# Holandaj Bulboj.

| | po cento. H. fl. |
|---|---|
| **Hiacintoj** kun nomoj; koloroj: ruĝa, blanka, blua, flava | 15.— |
| „ ĉiuj koloroj miksitaj | 12.— |
| **Fruflorantaj Tulipoj** kun nomoj en ĉiuj koloroj | 5.— |
| „ „ ĉiuj koloroj miksitaj | 4.— |
| **Malfruflorantaj Tulipoj** (Darwin-Tulipoj) kun nomoj en ĉiuj koloroj | 5.— |
| **Malfruflorantaj Tulipoj** (Darwin-Tulipoj) ĉiuj koloroj miksitaj | 4.— |
| **Narcisoj** el ĉiuj kategorioj kun nomoj | 10.— |
| „ ĉiuj kategorioj miksitaj | 7.— |
| **Krokusoj** kun nomoj; koloroj: blanka, blua, flava | 2.— |
| „ ĉiuj koloroj miksitaj | 1.50 |
| **Iridoj** el ĉiuj kategorioj kun nomoj | 3.— |
| „ ĉiuj kategorioj miksitaj | 2.50 |
| **Anemonoj** el ĉiuj kategorioj kun nomoj | 5.— |
| „ ĉiuj kategorioj miksitaj | 3.50 |
| **Ranunkoloj** el ĉiuj kategorioj kun nomoj | 4.— |
| „ ĉiuj kategorioj miksitaj | 2.50 |

☆

*Kondiĉoj:*

La prezoj estas holandaj florenoj. — Liverado kontraŭ antaŭpago. — Informoj estos volonte donataj. Oni ankaŭ korespondas angle, germane kaj holande.

☆

## C. A. JUFFERMANS

FLORISTO

**HILLEGOM — HOLANDO**

## Bohema Esperanto-Servo

informa, eldona kaj librista entrepreno dezirante kiel eble plej bone kaj rapide servi al la samideanaro

**transloĝiĝis en Praha.**

Bonvolu do ĉiujn leterojn kaj mendojn direkti al

**Bohema Esperanto-Servo, Praha II**
Žitná 44 Ĉeĥoslovakujo

**Nova (5-a) eldono de**

## „BES-Adresaro de Esperantistoj"

ĵus aperis. — La bone jam konata jarlibro de „BES" enhavas denove tre interesajn adresojn de esperantistoj el ĉiuj mondpartoj, portretojn, registron de personoj kaj E.-entreprenoj laŭ okupo, inklinoj kaj proponata komercaĵo, eĉ rebuson kun 15 premioj en la valoro de 60.— fr. svis. Krom tio ĉiu 10-a kaj 100-a mendinto ricevos premie esperantaĵojn por 1.— kaj 5.— fr. sv.

**Prezo 1.— franko svisa.**

Mendu tuj
aŭ postulu almenaŭ senpage prospekton ĉe

**Bohema Esperanto-Servo, Praha II (Ĉeĥosl.)**
**Žitná 44**

## La Ĝemo de Soleca Animo.

Originalaj verkoj pri ĉina vivo de *Vaselj Erosenko.* Tre interesa kaj bele presita. Prezo: **18 anglaj pencoj aŭ 7 respondkuponoj** kun afranko eksterlanda. Aĉetu tuj ĉe

**S-ro Hujucz, Eastern Miscellany, Commercial Press, Shanghai**
Ĉinio.

## Nia Esperanto-literaturo ne manku en via libraro!

| | Gmk. |
|---|---|
| **Bayol**: Esperanto und Rotes Kreuz | 0.60 |
| **Bennemann**: Tra la mondo. Internacia legolibro. | |
| I-a parto: Por komencantoj, dua eldono, kart. | 1.— |
| II-a parto: Por progresintoj, kart. | 1.50 |
| **Bennemann**: Internacia Kantaro. Tekstaro, broŝ. | 0.50 |
| Muzika eldono, broŝ. | 1.60 |
| „ „ bind. | 2.— |
| **Bennemann**: Handwörterbuch: Esperanto-Deutsch, tole bind. | 3.50 |
| **Blachstein**: Pri Esperanto kaj Esperantistoj | 0.10 |
| **Borgius**: Die Weltsprachenbewegung vor dem Forum sachverständiger Kritik | 0.30 |
| **Brühl**: Kurzer Lehrgang | 0.25 |
| **Degen**: Kleines Lehrbuch | 0.30 |
| Wörterverzeichnis dazu | 0.15 |
| **Dietterle**: Zur Rechtfertigung des Esperanto | 0.30 |
| **Dietterle**: La Vendreda Klubo, 11 originalaj artikoloj, broŝ. | 1.60 |
| **Forge**: Abismoj. Romano originale verkita, broŝ. 1.80; bind. | 2.75 |
| **Goldschmidt**: Bildotabuloj por la instruado de Esperanto, 3-a eldono, kart. 2.50; bind. | 3.— |
| **Gvidlibro tra Leipzig** | 0.40 |
| **Hankel**: Sableroj, originalaj poeziaĵoj kaj skizoj | 0.40 |
| **Lippmann**: Dr. Zamenhof's sprachliche Gutachten (Lingvaj Respondoj) in deutscher Bearbeitung | 0.90 |
| **Luyken**: Stranga Heredaĵo. Romano originale verkita, broŝ. | 3.— |
| bind. | 4.— |
| **Molière**: La malsanulo pro imago. Komedio en tri aktoj (Velten), broŝ. | 0.30 |
| **Privat**: Historio de la lingvo Esperanto, kart. | 1.25 |
| **Privat**: Vivo de Zamenhof, kart. | 2.— |
| bind. | 3.— |
| *speciala eldono por mez- kaj malbonvalutaj landoj* | |
| **Richter**: Esperanto-gvidanto pri la publika interkomunikiĝado | 0.60 |
| **Schneeberger**: Esperanto-Stenografio | 0.40 |
| **Simon**: Patrino al la infano, por unu voĉo kaj fortepiano | 0.20 |

**Internacia Mondliteraturo.**

| | Gmk. |
|---|---|
| Vol. 1: **Goethe**: Hermano kaj Doroteo. Eposo idilia. El la germana originalo (Küster), dua eldono. Premiita de la akademio | 1.— |
| „ 2: **Niemojewski**: Legendoj. El la pola originalo (Kuhl), dua eldono | 1.— |
| „ 3: **Turgenev**: Elektitaj Noveloj. El la rusa originalo (Mexin) | 1.— |
| „ 4: **Raabe** La nigra galero. Historia rakonto. El la germana originalo (Wicke) | 1.— |
| „ 5: **Hildebrand**: El la „Camera Obscura". El la holanda originalo (Mees) | 1.— |
| „ 7: **Chamisso**: La mirinda historio de Petro Schlemihl. El la germana historio (Wüster) | 1.— |
| „ 8: **Stamatov**: Nuntempaj Rakontoj. El la bulgara originalo (Krestanoff) | 1.— |
| „ 9: **Ŝalom-Aleĥem, Perec**: Hebreaj Rakontoj. El la hebrea originalo (Muĉnik) | 1.— |
| „ 10: **Puŝkin**: Tri Noveloj. El la rusa originalo (Fiŝer) | 1.— |
| **Stark**: Elementar-Lehrbuch, 7-a eldono | 1.40 |
| Wörterverzeichnis dazu | 0.40 |
| **Stark**: Kurzer Lehrgang, 9-a — 11-a eldono | 0.40 |
| **Stark**: Wortstämme | 0.10 |
| **Steche**: Der Siegeszug des Esperanto. Propagandilo | 0.10 |
| **Steche**: Speisekarte. Franca-germana-esperanta | 0.40 |
| **Streidt**: Esperanto-Lehrbuch für Volksschulen. I, II po | 0.60 |
| **Velten**: Elementar-Lehrbuch, 3-a eldono | 2.— |
| Schlüssel dazu | 0.40 |
| **Völkerbund.** Esperanto als internationale Hilfssprache | 0.30 |
| **Die Wahrheit ins Ausland durch Esperanto** | 0.10 |
| **Wüster**: Enciklopedia Vortaro. Esperanta-germana, I-a parto | 14.— |
| **Wüster**: Maŝinfaka Esperanto-vortaro. Germana eldono: Esperanta-germana kaj germana-esperanta | 2.— |
| **Zahn**: Svisaj Rakontoj. El la germana originalo (Pulvers) | 0.30 |

Niaj prezoj estas malaltigitaj. Krom tio ni konsentas de nun pli favorajn liverkondiĉojn al ĉiuj revendistoj. Postulu prezproponojn! La prezoj montritaj estas fundamentaj prezoj. Germanoj kaj samideanoj el malbonvalutaj landoj apliku la ŝlosilnombron, la aliaj bonvalutaj landoj transkalkulu laŭ la jena principo:

**Unu germana marko egalvaloras: dolaro 0.22,5; frankoj svisaj 1.25; kronoj ĉeĥaj 7.50; guldeno holanda 0.57 ktp.**

Oni pagu el la eksterlando per bonvalutaj bankbiletoj en rekomenditaj leteroj.

**FERDINAND HIRT & SOHN, ESPERANTO-FAKO, LEIPZIG, SALOMONSTR. 15.**

Esperanto-Presejo Paul Göring, Magdeburg-S.